1923 ⋆ FEBRUARO ⋆ NUMERO 2 (5) ⋆ DUA JARO



# LITERATURA MONDO

RESPONDA REDAKTORO:
D^RO TEODORO SCHWARTZ

REDAKTA KOMITATO:
DRO KOLOMANO DE KALOCSAY,
JULIO BAGHY, PAŬLO DE LENGYEL,
PAŬLO BALKÁNYI, ADALBERTO BAYER

NIA KUNLABORANTARO: LOUISE BRIGGS (ARMLEY)
J. GRAU CASAS (BARCELONA), F. E. HAINE
(BRUXELLES), NIKOLAO HOHLOV
(ZAGREB), DRO EMIL PFEFFER (WIEN),
IVAN H. KRESTANOFF (DRESDEN),
PAUL MEDEM (KAUNAS), EMMA H. OSMOND
(LONDON), M. SOLOVJEV (SKOPLJE),
JULIO WERNER, DRO ALEKSANDRO GIESSWEIN,
(BUDAPEST), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO)

REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: BUDAPEST, VI, ANDRÁSSY-UT 81

PRESITA: GLOBUS PRESARTINSTITUTO A. S.

# GRAVA SCIIGO!!

Jen nia kvina numero, la plej efika pruvo, ke ni iras la vojon celitan. La skeptika profetaĵo pri Literatura Mondo, ke ĝi „post du tri numeroj aperos jam ne regule kaj en pli malgranda amplekso" — ne realiĝis. Se la esperantistaro konstante subtenos nin — ne nur per abonoj, sed ankaŭ per kunlaboro — la amplekso kaj la enhavo baldaŭ egalos la plej luksajn naciajn revuojn. Nia eldonejo jam pruvis, ke ĝi estas preta oferi kaj fari tian gazeton, kia ankoraŭ ne ekzistas en nia movado.

La nuna situacio de nia revuo ebligis — *sen pli malampleksa, sen pli malofta apero*

## MALALTIGI LA PREZON

de la numeroj per 20%!

De nun unu numero kostos nur sv. fr. —.80 aŭ egalvaloro kaj por kelkaj landoj eĉ ni ebligas la sendon de la abono per poŝtmarkoj! Por simpligi la abonon kaj doni la saman malaltigon al tiuj, kiuj jam abonis L. M., ni, de nun, akceptos abonojn por *certa nombro de numeroj*. De la jam senditajn abonpagojn ni kalkulos laŭ la novaj abonprezoj. Jara abono ne ekzistos! Sed oni povas jam aboni por 3 numeroj!

Se iu akiras du abonojn el bonvalutaj landoj por dek numeroj, tiu ricevos la gazeton dum duonjaro, se iu akiros kvar abonantojn, tiu ricevos dum tuta jaro *senpage*.

Ĉiu numero de L. M. estas valora libro kun diverspeca enhavo mondliteratura observo, ilustraĵoj el multaj landoj. Redaktantoj, kunlaborantoj kaj eldonantoj de L. M. laboras entuziasme por efektivigi belan kaj artan mondrevuon. *Ni atendas la helpon de la tuta esperantistaro!*

# KIAMANIERE VI ABONU „LITERATURA MONDO"-N?

Prenu leterkoverton, enmetu la prezon de tiom da numeroj, kiom vi ŝatus aŭ povas havigi, kaj sendu ĝin registrite *al nia adreso*. El la landoj angla, belga, ĉeĥa, dana, franca, finna, itala, jugoslava, rumana, svisa oni povas sendi ankaŭ *poŝtmarkojn* neuzitajn.

Vi povas ankaŭ pagi per ia ajn banko al sekvantaj naciaj bankoj, por la konto de Hungara Ĝenerala Kreditbanko (Banque Générale de Crédit Hongrois, Ungarische Allgemeine Creditbank), Budapest, por „Literatura Mondo":

## NACIAJ BANKOJ:

*Amsterdam:* Amsterdamsche Bank
*Bratislava:* Slovenská Všeobecná Úverná Banka
*Berlin:* Direction der Disconto Gesellschaft
*Bruxelles:* Banque de Bruxelles
*Christiania:* Den norske Creditbank
*Copenhague:* Kobenhaven's Handelsbank
*Milano:* Banca Commerciale Italiana
*London:* The National Provincial & Union Bank of England Ltd.
*New-York:* Guaranty Trust Comp of New-York
*Paris:* Banque de l'Union Parisienne
*Sofia:* Banque Balkanique
*Stockholm:* Skandinaviska Kreditaktiebolaget
*Zürich:* Schweizerische Bankgesellschaft

## PREZOJ NOVAJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.80 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.08 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu direktan proponon de ni!

SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN

## EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Pels y Lakatos, Buenos-Aires, 25 de Mayo 294.
*Austrujo:* Wien, Esperanto-eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Franz Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. — E. Haine, 23, rue du Marais, Rysbroek, Bruxelles.
*Ĉeĥoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando.* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Raymond Schwartz, 4, rue d'Haute ville, Paris.
*Hispanujo:* Konrado Domenech, Hotelo Flora Banyoles, Ĝirona. — Ferdinando Montserrat, Barcelona, Str. Villaroel 107, 2° 2°.
*Italujo:* Johano Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* D.D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ul. 1
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Rumanujo:* Esperanto Oficejo, Cluj.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!

# ĈE LA AKVOFALO

(El tradicioj de la regionoj apud la „Blanka maro")

N. PINEGIN

Bruas la akvo apud la rokoj el ĝi elstarantaj, saltas la frenezaj akvofaloj. La tuta naturo vekiĝas kaj rapidas forĵeti de si la lastan dormemon. Kaj la suno, suno scianta nenian ripozon, nek tage nek nokte, forlasas sian luman vojon, kvazaŭ ĝi ne havas forton por foriri de la lando, kiun ĝi estis forlasinta por la tuta longa vintro.

Al nuboj sin etendas la montoj aŭ „varakoj", kiel oni ilin nomas tie ĉi, kaj malgajaj rokoj, ŝtonegoj, kvazaŭ timas por ne esti denove englutitaj de la tero, el kiu ili ŝajne estis aperintaj antaŭ nelonge, en teruraj naskaj doloroj. Abunde kovras la teron primitivaj arbaroj, arbaroj sen komenco, sen fino.

En tiuj arbaroj hakilo ne estas ankoraŭ soninta, sed homoj loĝas tie. Homoj same primitivaj, ne foririntaj ankoraŭ de la patrinonaturo, same simplaj kiel ĝi.

Ili tremas pro malvarmo dum la frosto kaj neĝa blovado de l' polusregionaj noktoj, malsekigas sin en la salumita, malvarma akvo, nutras per sia sango kulojn. Ili ĉiam estas pretaj atendi malfeliĉon. Sed instruaj ekzemploj de la patrino estas por ili ĉiam okulvideblaj: ili ja scias, ke estas dolĉa kaj utila la nutraĵo akirita per propra laboro. Ĉu ili ne povas observi ĉiutage, kion faras tiu malsaĝa fiŝo, — la salmo — kiu saltas dum horoj kaj tagoj kontraŭ la vertikala akvomuro de la akvofalo por trafi fine kvietan lagunon malantaŭ ĝi, kie la fiŝo povas semi sian frajon por la nova idaro? Ĉu estas eble ne vidi, kiel fleksiĝas la polusa betulo, penanta ŝirmi la branĉojn de mortiga, frosta meznokta vento? Maldika betulo post sufiĉa, gardanta ŝirmaĵo tuj sin etendas, kreskas kiel bela, krispa arbetaĵo, ĝis venas la nova, severa sento da alia flanko, kaj premas teren la gajajn branĉetojn.

*

Sur la monto, apud la akvofalo staras tri „tupoj" — vintraj dometoj de Laponoj. En la unua loĝas remistoj de boata poŝto, en la dua salmokaptistoj, la tria estas destinita por la survoja „komunuma stacio", haltejo de vojaĝantoj.

Meze de kavaĵo, malsupre de la monto estas du budoj, verdaj de akva polvo, kaj iom pli malproksime, super la akvofalo mem — staras antikva kapeleto, Dio nur scias de kiu kaj kiam konstruita. Apud ĝi staras kelkaj krucoj verdaj de muskoj.

Se vi eliras el la dometo kaj ĉirkaŭrigardas — vi vidas, ke levas la polvon kaj tondras la senripoza akvofalo, kaj ĝiaj ŝaŭmantaj akvoj bruante rapidas pretere, ĉiam pretere.

Al ĉiuj direktoj peze levas sin la sopirema arbaro, kaj ĝiaj arboj proksimaj al la abruptaĵo kliniĝas, rigardas malsupren, tien, kie alte saltas la akvaj montoj kaj flugpendas la akva pulvo. Enu-miena estas la arbaro. Malproksime sur la apenaŭ videblaj „varakoj" ridetas la arĝentkolora tundro*. Mi rigardas kaj ne scias: ĉu kuŝas tie verdeta neĝo, aŭ la suno ĵetis radion sur montojn kovritajn de blankaj muskoj kaj arĝentumis ilin? ...

En la stacian „tupon", kie mi pasigis du semajnojn en soleco, nun amase venis gastoj: laponoj de Notozero, du familioj en sia nomada vojaĝo al „aŭtunaj lokoj" kaj lopino** de Songel, — Mikaelo — „iometa sorĉisto", kiel diris pri li la aliaj.

En la dometo estas mallume, varme kaj sufiĉe komforte. Karese kraketas la fajrujo, per fajra lango lekanta la fulgokovritan tean kruĉon kaj la kaldroneton kun supo preparata el „kumĵa"-fiŝo. Renkonti homon post longa loĝado sen kunuloj estas ja granda feliĉo!

La sorĉisto Mikaelo estas aparte ĝoja pri la renkonto. La kaŭzo sin kaŝas en tio, ke hieraŭ venis el urbo Kola poŝtaj veturigistoj kaj alportis brandon. Kaj Mikaelo, kiel ĉiu lopino, ŝatas la brandon pli ol sin mem, kaj tre ŝatas ĝin drinki po glase por havi la decan instigon antaŭ la krucosigno.

— Atendu iomete, mi restarigos la fortojn, — diras al mi Mikaelo — mi ricevos gajan humoron; mi rakontos al vi bonan fabelon.

Mikaelo havas ne malgrandan provizon da antikvaj fabeloj, tradicioj kaj kantoj. Tamen ĉe nia pasinta renkonto tian gajan „humoron" ricevis mia Mikaelo, ke apenaŭ li kapablis elkanti:

Ha, vi, ĉarmaj junulinoj jen, jen, jen!
Junaj estas vi, kaj mi estas maljunulo ... multaĝa ...

* Polusregiona ebenaĵo, plejparte marĉo, kovrita de malalta herbo kaj malriĉaj kreskaĵoj.

** Popolo parenca al Laponoj, de finna raso.

*(Rim. de l' trad.)*

La fiŝa supo estas preta. Dum oni manĝas ĝin, la parolado plivigliĝas. La suno sin montras inter la nuboj, ludas sur la pintoj de l' arboj, ĵetas eĉ al ni, en la dometon, tra la spektre rustiĝinta vitro, sian luman rideton, lumigas la fumitajn murojn kaj ekbrilas sur la kalvaĵo de la maljuna avo — ĉefo de la komunumo.

Orumiĝis la ŝaŭma polvo super la akvofalo. Ore ekbrilis la mevoj-petoluloj, falĉantaj la densan, rezinodoran aeron per siaj flugiloj brilantaj falĉiloj.

Ni parolas pri salmo, pri novaj fiŝkaptejoj, pri „aŭtunaj lokoj", pri la malfacila transiro inter la du lagoj, laŭlonge de „tajbola" aŭ sur la terkolo, tra kiu oni trenas la boatojn sur tero.

— Diru, — demandis iu veturigisto la komunuman ĉefon — kiel oni nomas ruse la ŝtonon, kiu kuŝas duonvoje sur la „tajbola"?

— Ni nomas ĝin „kaŝita trezoro" — respondis la ĉefo.

— Atendu, mi rakontos, — sin enmiksas Mikaelo, ricevinte gajan humoron. — Jen aŭdu.

— Antaŭ tre longe okazis ĉi tio, en antikvaj jaroj; al lopinoj tiam venadis „ŝiŝoj"* por prirabi ilin ĝis ostoj. Ĉiujn ili mortigis; virojn, virinojn, edzinojn, infanojn eĉ plej junajn; kion ajn ili trovis, ĉion ili rabis. Litajn kovrilojn felaĵojn, perlojn, monon. Plej ofte ili venis per boatoj — ili timis la tundron: ilin povus mortigi tie Laponoj! Kaj la homoj vivis en tiu tempo, kvazaŭ bestoj, sub tero: fosis kavaĵojn, kovris ilin per branĉoj defalintaj de arboj, kaj super ilin metis ŝtonojn. La tuta „pogosto"** konsistis el similaj hejmoj.

— Kaj tiam aperis la sciigo, ke denove venas „ŝiŝoj"; la Laponoj komencis surŝuti la kavaĵojn per tero, lasis en ili nur pezajn objektojn, ĉion alian ili forportis al la „varakoj", tien, kie la sovaĝa cervo kuras sur konataj al ĝi vojoj. La Laponoj de Notozero timis eĉ loĝi pogrupe, komunume; ili pli multe ol aliaj estis turmentitaj de la „ŝiŝoj".

— Ili havis tiam grandan sorĉiston. Longe, longe, antaŭ tri homaj generacioj li vivis, kaj nur de li estis esperebla la savo. Li faris tiel: kiam la malfeliĉuloj alportis sian havaĵon al tiu loko, — pri kiu vi ĵus demandis — al la ŝtono, tiam la sorĉisto diris ian sorĉan vorton kaj la tuta havaĵo fariĝis ne plu videbla; venis la „ŝiŝoj", nenion ili trovis . . . Kaj kiam ili estis foririntaj, la sorĉisto revenis al la loko, diris ian vorton — denove oni povis ĉion vidi, kaj la Laponoj forportis sian havaĵon.

— Sed jen, okazis, ke kaŝinte tiamaniere la havaĵon, la sorĉisto dumtempe mortis. Ne povis plu trovi la Laponoj sian havaĵon. Poste ofte ili vizitis la lokon, volis preni la kaŝitan trezoron, sed ne sukcesis: ili ne sciis la ĝustan vorton. Estis multaj bonaj sorĉistoj en pasintaj tempoj, kaj mia avo ankaŭ ne estis ja malbona, tamen eĉ li ne povis trovi la kaŝitaĵon.

— Foje venis mia avo por serĉi tiun trezoron, akompanita de malgranda laponlanda hundo. Diris la avo ian vorton, supozeble malĝustan, tuj el post la ŝtono aperis tri grandaj homoj tute nudaj, nevestitaj. Ekvidis ili la avon kaj komencis lin persekuti. La avo en timo ekkuris: li kuris rapide, sed la persekutantoj fariĝis ĉiam pli kaj pli proksimaj. Haltis tiam la avo, prenis bastonon kaj desegnis per ĝi cirklon, — la avo estis ja bonega sorĉisto — ili flankumis ĉirkaŭ ĝi kaj ne volis foriri. Komprenis tiam la avo, ke ili bezonas sangoferon. Tre bedaŭris la avo, sed tamen estis devigita mortigi la fidelan hundeton. Tiam la homoj iris for.

— Alian fojon denove sin preparis la avo esplori la kaŝitaĵon . . .

Tiel daŭras la fabelo-rakontado, kiel survolvitan fadenglobon malvolvas ĝin Mihaelo, lasas unu, komencas alian fabelon. Li havas bonan rakontan humoron.

Jam malheliĝis la sunaj radioj, tra la malfermita pordo fluas per konstanta plaŭdo la bruo de la akvofalo kaj intermiksas sin kun la egaltona voĉo de la rakontanto.

Ne por mi jam daŭras la rakontado; aŭtomate aperas la fabeloj kaj rakontoj kaj mi plu povas kapti nek komencon de la unua nek finon de la dua, mi ne povas distingi veran okazintaĵon de fabelo: influaj fariĝas la simplaj vortoj kaj ili kredigas al mi ĉion, kiel al vera Lapono.

— . . . En tiuj jaroj multaj en fero vestitaj svedoj venis de okcidento. Ili trovis la Songelan „pogoston" — ĉiujn mortigis, iris por serĉi la Notozeran kaj komencis rabi la rusojn, loĝantajn apud la Blanka Maro. La Notozera pogosto staris tiam ĉe la akvofalo, ĉiuj loĝis en terkavaĵoj. Sendis la Songelanoj sciiganton: „ĉiujn", li diris, „mortigas la svedoj". Ekploris la notozeranoj. Surfosis siajn kavaĵojn, sidiĝis en boatojn kaj ekveturis laŭlonge de rivero Tuloma al granda germana insulo je sep kilometroj de la akvofalo. Ĉiujn siajn cervojn ili translokigis tien. Sur la suda promontoro de l' insulo ili starigis du gardantojn, kaj ĉiuj aliaj sin kaŝis en la arbetaĵoj. Sed la gardistoj ekdormis pli frue ol la aliaj. Dum la longa atendado ili opiniis, ke nenia danĝero venas, ili pensis, ke la songelanoj simple trompis ĉiujn pro serĉo kaj tial ekdormis la gardantoj.

* Svedaj migrantaj rabistoj.
** Lapona vilaĝo. *(Rim. de l' trad.)*

— Remas la svedoj tra la rivero, neniun ili vidas. Ili jam estus pasintaj preter la insulo nenion rimarkinte, sed unu boato restis malbone kaŝita. Haltis la svedoj kaj mortigis ĉiujn dormantojn, eĉ ne unu homo, ne unu infano restis vivanta, eĉ la cervoj estis buĉitaj. Tiuj du gardantoj solaj restis vivaj kaj ili rakontis poste ĉion.

Ili rakontis ... Mi prezentas al mi, kiel tion povis rakonti la du restintaj Laponoj al kunfrataj „kildinanoj", same kaŝemaj homoj. „Vekiĝis ni, venis tien kaj vidas ke ĉiuj estas mortigitaj". Kaj la aŭdantoj paraliziĝas. „Ho, kia malfeliĉo, oni devas sin kaŝi en „varakoj"!

Subite akra krio sonas tra l' aero.

— Kio ĝi estas?

— Mi ne scias, multaj krioj aŭdiĝas nokte en la tundro — respondas al mi la ĉefo — estas multaj krioj tie.

— Tamen, kiu ĝin elkriis, ĉu birdo, aŭ ia besto? — mi volas ricevi klarigon de la malvigla maljunulo.

— Ne. Sed povas esti ankaŭ ia birdo, eĉ ia besto ... Krom ili ankaŭ aliaj estaĵoj loĝas en la „varakoj".

— Kio do ankoraŭ?

— Estas diversaj estaĵoj. Multaj lokoj restis ĉe ni por tiuj estaĵoj, kien neniu homo ankoraŭ penetris. Tiuj lokoj estas en la „paĥtoj".*

— Do?

— Do tie ili loĝas, tiuj ... Kelkaj estas similaj al homoj ... Diversaj ili estas inter tiuj rokoj. Estas multaj grandaj, blankaj, nudaj kaj mutaj. Kaj kie la „paĥto" estas kovrita de arbaro, tie loĝas hometoj, malgrandaj kiel infanoj. Nudaj estas ankaŭ ili, havas monon. Ni ilin nomas „ĉakli".

— Unu sorĉisto (li havis filon, vivantan ankoraŭ, Elizes estas lia nomo) multe da mono gajnis de ili. Foje tiu sorĉisto venis al „paĥto" por ĉasi sovaĝajn cervojn kaj mortigis unu. Por ke lupoj ĝin ne formanĝu, li faris kovraĵon el trunkaj palisoj kaj marŝis plue. Poste li ekvidis ke malgranda hometo lin postsekvas kaj ripetas ĉiujn liajn agojn. Kiam la hometo rimarkis ke la sorĉisto lin vidas, li tuj kaŝis sin. La sorĉisto iris al la loko, kie li vidis la malgrandulon kaj vidas: tie staras kovraĵo el maldikaj branĉetoj kaj en ĝi kuŝas muso!

Ĉion ripetis, imitis la „ĉakli".

— La sorĉisto, ho-ho, tre ruza li estis! Li venis alifoje sur la saman lokon, prenis kun si kuiritan kaĉon kaj rezervajn „kanjgojn".* Li sidiĝis sur videbla loko, manĝis la kaĉon per kulero kaj ŝnurumis la „kanjgojn". Per sola ŝnuro li ĉirkaŭvolvis ambaŭ siajn piedojn. Poste li lasis tie la kaĉon, kuleron, unu „kanjgon" kaj la ŝnuron — „noori". La tutan tagon li observis kaŝinte sin post la ŝtonoj. Post unu tago venis la „ĉakli". Li gustumis la kaĉon, metis ambaŭ piedojn en la solan „kanjgojn" kaj komencis ĉirkaŭvolvi siajn piedojn per la „noori". Kiam li fine ligis ilin, la sorĉisto venis kaj la „ĉakli" ne povis forkuri! per ambaŭ piedoj li staris en la „kanjgo" kaj ambaŭ estis ligitaj!

— Tiel kaptis lin la sorĉisto. Li ligis la manojn, surmetis la longan ŝnuron kaj diris: Mi vin ne delasos, ĝis vi ne donos al mi sufiĉe da mono. Iru sub la teron, serĉu la monon"

— Ekrampis la „ĉakli" en monton, longe li serĉis, alportis monon.

— „Malsufiĉe" — diris la sorĉisto.

— Ankoraŭ longe migris, serĉis la „ĉakli"; ankoraŭ alportis.

— „Malsufiĉe. Ankoraŭ!". Sed la „ĉakli" balancis la kapon — videble li jam ne havis pli.

— „Venu, alportu iomete pli, tiam mi vin delasos".

— Ekploris la „ĉakli". Migris longe la malgrandulo, ne trovis monon, alportis nur peceton de ruĝa ŝtofo.



OTTO BADIT: SUR LA VOJO

* Rokaj montoj. *(Rim. de l' trad.)*

* Laponaj botoj. *(Rim. de l' trad.)*

— La sorĉisto disdividis la monon je tri partoj: unu por la „ĉakli“, du — por si mem; se li prenus ĉion por si — nenion li gajnus — en ŝtonon transformiĝus la mono!

— En la tundro estas multaj lokoj, kie vagas „ĉakli“. Estas tiaj virgaj „paĥtoj,“ „varakoj“, kie ne ekzistas traireblaj vojoj. Tie ili loĝas. En la direkto al Imandra kaŝas sin ankoraŭ sub la tero tie loĝantaj sovaĝuloj . . .



UJVÁRY: ŜTELĈASISTO

Mi iras eksteren por rigardi la misteran arbaron, kie mirakloj okazas eĉ en niaj tagoj!

Kviete staras ĝi, ne estas plu aŭdebla la stranga krio de iu nokta birdo, ne estas vidataj en ĝi „ĉakli“ nek aliaj „tamen vivantaj“ estaĵoj. Tra la malklara densaĵo sin portas nur la sola tie ĉi reganta bruo de la akvofalo kaj en tiu bruo dronas la krio de pasiebria urogalo en proksimo. Traflugas antaŭ la matena spiro de l'diafana nokto, venteto, flustras ion la arbaro tremetante per branĉoj, pli brue tondras, kun nova forto, la akvofalo, knaras ruiniĝanta pino.

Blanka nokto survolvis ĉion, vindis ĉion per diafana vualo kaj densigis nebulojn apud la purpura makulo sur la horizonto, kie subiris la suno. Bruas, frenezas la akvofalo.

Sur la roko, en ĝia mezo, staras malnova kruco. Ĝi ne estas falinta ankoraŭ. Antikvaj surskriboj faris sur ĝi strangan desegnaĵon kaj nenio estas deĉifrebla el tiu punto, miksita kun la verdaĵo de muskoj en unu mistikan tuton. Ne estas legeblaj, kompreneblaj la signoj — kiam kaj de kiu estis starigita la kruco.

Kaj sub ĝi — oni diras — kuŝas sorĉisto, la plej granda el ĉiuj! Kiel emajlo estis li fortika, ne volis cedi al morto, kiam volis leviĝi, ĝis estis metita kun vizaĝo malsupren kaj kun kruco starigita super lia tombo.

Flustras, rakontas la grumblanta akvofalo fabelojn pri tio, de kiaj miraklaj aferoj ĝi estas atestanto, sed neniu ĝin aŭskultas, krom mi kaj foko, tie malsupre en la ŝaŭma abismo sub la akvofalo. Ĝi venas el post akvo, rigardas — observas. Post pli alten ĝi levas la vizaĝon kun saĝaj, homaj okuloj kaj atente aŭskultas. Aŭskultas iomete kaj denove sin kaŝas, por aperi post kelkaj momentoj ĉe la alia kaskado.

La aero estas malseka, varma . . .

El la rusa: N. HOHLOV

# EL LA „LIBRO DE L' ENIGMOJ“

NIKOLAJ RAJNOV

La sonoro de Viaj ornamoj interrompas la fluon de mia kanto: forigu vian kolieron, vian kronon kaj viajn braceletojn!

Mi volas, ke Via animo estiĝu pura kaj malplena, kvazaŭ ora korno, por ke mi enŝutu en ĝian profundon la bonodoran aleon de mia kanto.

*

Brilo de fulmo, brilo de glavo kaj brilo de virinaj okuloj: — tri trompoj.

Ĉar la fulmo estas alte, la glavo povas esti haltigata, kaj la virino ne volas mortigi.

Sed ĉiu timas . . .

Kaj — la tria estas plej terura.

. . . Brilo de fulmo, brilo de glavo kaj brilo de virinaj okuloj: — tri vojoj al la morto.

Kaj — la tria estas plej senbrua.

*

Neenvidebla estas nokto sen steloj, sed animo, super kiu ne viglas virino, estas pli neenvidebla.

Malvarmega estas dezerto sen suno, sed animo, en kiun ne brilas virino, estas pli malvarmega.

Senĝoja estas arbaro sen birdoj, sed animo, en kiu ne flirtas virino, estas pli senĝoja.

. . . Kaj kruela destinaĵo estas tiuj steloj, ĉar ili sorbiĝas en la animon kiel brulantaj vundoj.

Infera sorto estas tiu suno, ĉar ĝi fosas en la animo malluman tombon.

Nigra antaŭdiro estas tiuj birdoj, ĉar ilia

kanto estas kanto super mortinto kaj iliaj flugiloj flirtas super falĉita vivo.

. . . Sed la homo ploras kaj krias:

„Donu al mi tiujn stelojn! — Donu al mi tiun sunon! — Donu al mi la malbonantaŭdiran kanton de tiuj birdoj!"

*

Aĥuni, kiu ĉirkaŭiris la teron, diris al mi iun tagon: „Multajn homojn mi renkontis. Ĉiuj plendis al mi pro tio, ke ili estas sen patrino. Via patrino estas mortinta, ĉu ne? La mia ankaŭ mortis jam delonge. Kaj la lia? — Ho, kiom da homoj estas sen patrino! Sed mi timas, ke ne nur la mia kaj la via estas mortaj... mi timas, ke la Patrino — la Patrino — eble estas jam mortinta . . ."

*

Tri aĵojn konas la saĝulo — tri aĵojn, kreitaj por bono, sed farantaj malbonon: lango, tranĉilo kaj virino.

Ne uzu ilin lude!

*

La Virino diris:
„Mi estas la Alfao de la kreado!"
Kaj naskis la unuan homon.
La Viro diris:
„Mi estas la Alfao de la kreado!"
Kaj mortigis la unuan homon.
La Amo diris:
„Mi estas la Alfao de la kreado!"
Kaj kunigis tiam la naskon kun la morto.

*

Plej malbona aĵo estas la venko, plej malluma aĵo estas la koro, plej malgaja aĵo estas rigardi surdan muzikanton.

*

Se la mano demandos ion, la roko al ĝi respondos.

Se la okulo demandos ion, la ĉielo al ĝi respondos.

Sed se la koro demandos ion, neniu povos al ĝi respondi!

Ne ekzistas vero por la koro; ne ekzistas malvero por la koro; inter la koro kaj la mondo ne ekzistas ponto.

*

Kiu elĉerpos per plenmano la maron — kaj la teron per etenditaj fingroj kiu elmezuros?

Estis tri saĝuloj.

La unua estis ekkoninta la librojn — kaj vidis, ke la saĝo estas profunda. Kaj li delasis.

La dua estis trastudinta la naturon — kaj komprenis, ke la suno estas malproksime. Kaj li blindiĝis.

La tria komencis serĉi sin — kaj eksciis, ke multe komplikitaj estas la vojetoj de pasio, penso kaj kreo. Kaj li freneziĝis.

Sed la triopo estas unu paŝon pli proksime. Kaj super la kapo de ĉiu estas aro de steloj.

*

Multajn tentantojn montris al ni la libroj de l' oriento.

Multe pli multajn — la paĝoj de la vivo.

Kaj estas unu reganto, kiu estas potenca super ĉiuj tentantoj: la koro.

Sed ekzistas tentanto, antaŭ kiu eĉ la koro estas senforta: la koro.

Gardu vin, koro, de tiu tentanto!

*

La blanka tago finiĝis.

La floroj kuntiris siajn kronetojn, la birdoj kolektis siajn kantojn. La ĉielo sin malsuprenigis kvazaŭ malluma tendo, plena je diverskoloraj songoj.

Gloron al la subirinta suno!

La blanka tago finiĝis.

La rivereto ĉesigis sian egalmezuran spiradon, la arbaro etendis siajn mallumajn faldaĵojn por trinki roson. La tero ektremis kvazaŭ juna edzino, atendanta sian junedzon.

Gloron al la subirinta suno!

El la bulgara
kun permeso de l' aŭtoro
AT. D. ATANASOV



FRANCISKO EISENHUF: DANCO ĈE ĈERKESOJ

# EL „PRETER LA VIVO“ (*)



La poezio instruas nin senti,
vivo reala la senton pripenti.

*

La prozo de l'vivo vekas doloron,
sed proza vivado rompas la koron

*

DE JULIO BAGHY

## TURMENTAJ DEMANDOJ

„Patrinjo, ĉu vidas mi veron, ne fablon?
De kie vi prenis kovrita la tablon?
Hieraŭ pro l' frosto bluis la mano,
piedo tremadis en trua sandal',
sur tablo de l' hejmo mankis eĉ pano,
ni sidis malsataj sen ia regal' . . .
Hodiaŭ vi ŝanĝis mian ĉifonon.
Mi pompas en novaj lakŝuoj, silkvest',
sur tablo mi vidas supon, kaponon,
kaj logas frandaĵo min — kiel dum fest! . . .
Patrinjo, ho diru, ĉar mi ne komprenas,
de kie ĉi tiu feliĉo nun venas?

Patrinjo, tre strange, sed kvazaŭ en dormo,
mi vin ne rekonas en la nuna formo . . .
Hieraŭ vi estis multe pli bela:
brunhara kaj pala kun ĉarma ridet'.
Rigard' de l' okuloj — mildo ĉiela —
karesis min ame konsolis kun pet' . . .
Hodiaŭ la brunaj bukloj jam flavas,
la vangojn fremdigas ŝminkita purpur',
sub viaj okuloj ombron vi havas,
parfumon odoras la vest' el velur' . . .
Patrin' ! Patrinet' ! ! Mia koro doloras . . .
Ah! Panjo amata, nun kial vi ploras?“

## NI SONĜAS

Jam kovras la bedojn de l' ĝardeno
kolora tapiŝ' de l' aŭtuno mortanta
kaj siblas la kiso de l' mateno:
sur arboj la prujno glacie brilanta.
La nuboj gravedaj neĝon kaŝas,
heroldoj de l' vintro jam enpaŝas
en boskon kaj valon
por sterni vualon
al tero, la morton timanta . . .

Ni, inter skeletoj de verbenoj,
nin trompe varmigas ĉe l' amo somera,
sed preter ni flustras jam plorĝemoj,
ŝteliras en korojn la vintro kruela.
La lacaj estanto kaj pasinto
en halto defenda sur mondpinto
nun baldaŭ batalos
kaj ambaŭ ekfalos
pro puŝ' de l' estonto mistera . . .

Ne larmu, amata! Jen destino . . .
kaj kontraŭ ĝi plendo valoras nenion.
La morto sur ter' — nur ŝajna fino;
en vivo ni havas nur vizion.
La *Vivo* ne estas sur la tero.
Ĝi estas sube nur sufero.
Ĝi estas inkubo,
plenplena de dubo,
havanta sencelan envion . . .

Sur ter' por animo la ekzisto
nur estas sonĝplena minut' en homformo.
Ni sonĝas nun, kiel sonĝis Kristo
pri sanga krucum' sur la kapo kun dorno...
Kaj sonĝas arbtrunko ŝtoniĝanta,
kaj sonĝas la fumo forfluganta
kaj ĉio atendas
sopiron alsendas
al mort' nin vekonta el dormo . . .

(*) „Preter la Vivo“ estas titolo de la baldaŭ aperonta poemaro de Julio Baghy.

# HOMO SERĈU LA HOMECON!

En la sangon, verŝitan sur tero,
deziras mi trempi la plumon.
Portante komprenon kaj lumon
per gigante flamantaj literoj,
volus skribi mi al firmament'
laŭ la dikto de l' sanglarma sent':
Homo serĉu la homecon!

Ĉu ne honte por krono de l' kreo
sklaviĝi ĝis sentoj de bestoj,
diboĉi triumfe dum festoj,
kiujn baptis fratsango, mortveo?!
Vi preĝante Dion, neas Lin
kun blasfemaj sentoj en la sin'.
Homo serĉu la homecon!

Blinda mondo de l' homa envio,
perdiĝis prudento de l' koro
suferojn alportos la horo,
ĉar nun regas vin — surda pasio!
Vi baraktas en ĉena katen',
alforĝita de vi — al vi mem.
Homo serĉu la homecon!

Plendaj larmoj de viaj infanoj
por vivo petegas kompaton.
Komprenu ilian korbaton,
ĝis ne venos la venĝuraganoj
por tutneniigi, mondo, vin,
nur malindan je la homdestin'!
Homo serĉu la homecon!

Orfaj krioj, plorĝemaj sopiroj
veante krozadas sur tero.
Komprenon petegas mizero,
helpon de vi, senkoraj vampiroj!
Aŭdu, aŭdu filoj de l' gehen',
vortoj vin savantaj estas jen:
Homo serĉu la homecon!

# ŜANĜITAJ VIVOJ

Printempa rideto estis vi,
l' aŭtuna larmo — mi...
Vi estis arde fajra am'
kaj mi — ŝtelita flam'...

La larm' kaj ridet' renkontis sin:
poeto kaj knabin'...
Nun vivas mi en printempa varm',
vi — en l' aŭtuna larm'...

# SABLEROJ

Edenon perdis Adamo pro pomo
Ĝin donis Evo kun dolĉa propono.
De tiam estas fatala donaco:
la pomo dolĉa kun ĉarma grimaco.

*

Humanismon predikas
servisto en stalo,
sed pro batoj de l' vipo
sangŝvitas ĉevalo

*

Edzeca vivo nur tiam estas enviinda
se la edzino — muta kaj l'edzo estas blinda.

Se lamp' ne havas la oleon,
vi vane portas grandideon,
ĉar nur fiaskas la admono,
se ĝin ne helpas — tinta mono.

*

Homo estas tia speco,
kiu vivas por vanteco:
se ĉi senton trafas bato
lin mortigas — memkompato.

*

Se la vivmontrilo haltus pro kompato,
ĉiu kreditoro mortus pro — malsato.

ŜERCETO — P. BALKÁNYI

# KVIN MINUTOJ

UNUA PERSONO: DUDEKKVINJARA JUNULO

DUA PERSONO: DEKOKJARA JUNULINO

LI: (paŝas en la ĉambron) Saluton, kara fraŭlino Anjo! Ho, kia feliĉo, ĉu vi estas sola?

ŜI: Bonvenon, kara sinjoro. Nu, ĉiam vi venas malbontempe, ankaŭ nun mi estas tre okupita.

LI: Ho, mi ĉiam havas malfeliĉon. Ankaŭ en la mondon mi venis malbontempe. Sed, je Dio, mi ne volas ĝeni vin, mi kisas la manojn, mi jam iras.

ŜI: Ĉu estas tiel urĝe? Vi ja scias, se gasto foriras sen sidiĝo, li forprenas la dormon de la domanoj. Kvin minutojn mi havas por vi.

LI: Mi estas danka eĉ pro la kvin minutoj. Ho fraŭlino Anjo, se vi scius (dume li sidiĝas, ŝi ankaŭ, sur la du ekstremaj randoj de la kanapo).

ŜI: Bone, bone, ne komencu amindumi denove! Jam nenion mi kredas, jam sata mi estas je la amindumado kaj je la viroj! Ili jam ne povas diri al mi ion novan. Cetere eĉ ne estus inde peni por kvin minutoj. Ĉu oni ne povus paroli kun vi serioze pri io?

LI: Sed jes, kara Anjo, laŭ via ordono! Mi estos serioza, kvazaŭ komitatkunsido en klubo de memmortigantoj.

ŜI: Tre kompleze de vi.

LI: Ĉu la komitatkunsido?

ŜI: Eh, kion! Se dum kvin minutoj vi ne amindumus al mi, sed restus serioza.

LI: Ni provu! Mi rigardos mian horloĝon. (Elprenas ĝin.) Estas la kvina kaj deksep.

ŜI: Ho vi akuratulo! (ŝi subite rigardas sur lian butontruon) Sed diru, kio estas tiu verda steleto en via butontruo, mi ankoraŭ ne vidis ĝin.

LI: Ĝi estas la insigno de Esperanto.

ŜI: Esperanto? Kio ĝi estas? Nova sensencaĵo? Aŭ eble nova parfumo? Mi aŭdis, ke la adeptoj de oranĝparfumo fondis klubon kun aparta insigno.



KNOPP : SUNAJ RADIOJ

LI: Ne, kara Anjo. Ĝi estas lingvo internacia, lingvo por la tuta mondo.

ŜI: Nu vidu, jen serioza temo, por mi. Parolu do pri Esperanto.

LI: Sed dum kvin minutoj? Vere malmulta tempo!

ŜI: Ĉu vi povus multe paroli pri ĝi?

LI: Ho, ĝis morgaŭ matene!

ŜI: Do parolu, kiom eble, dum kvin minutoj. Sed nenia amindumado!

LI: (iom alproksimiĝante) Kara Anjo, la lingvo Esperanto estas tre serioza afero! Terure serioza kaj unu el la plej belaj, plej mirindaj aferoj de la mondo. Ĉu vi jam sentis foje, ke vi estas sola?

ŜI: Sola?

LI: Jes, ke vi estas sola (ŝovas sin pli proksimen), ne tiel, ke neniu estas apud vi. Multaj estas apud vi, kueganta, tumulta amaso de l' grandurbo. Kaj vi tamen estas solega. Neniu komprenas vin, neniun vi komprenas.

ŜI: Sed ĉi tie mi ja komprenas ĉiujn.

LI: (ĉiam pli proksimen) Pripensu, vi komprenas ilian parolon, sed ne ilian animon! Kiom da ili vi trovas, al kiuj vi povus konfide rakonti la plendojn kaj sopirojn de via animo! (li sidas jam tute apud ŝi) Al kiu ĉion vi povus diri, estas eble neniu.

ŜI: (iom retiriĝas) Sed ja vi...

LI: (interrompe) Ne interrompu min. Pripensu mem plue! Kiel multe pli terura sento estas stari kontraŭ fremduloj, alilingvuloj, sur fremda tero. Oni estas sola. Kaj oni naskiĝis ja por tio, ke li komprenu, ke li estu komprenata. Tial ja parolas la homo kaj ne kiel la bestoj eligas sensignifajn sonojn. Kaj jen tamen plej granda parto de la homaro, civilizita viro, inteligenta virino ne komprenas unu la alian. Ja ofte li kaj ŝi, kvankam parolantaj saman lingvon, estas nekompreneblaj reciproke. Kaj nun venas... (li tuŝas ŝian manon.)

ŜI: Ho, mi petas, mia mano...

LI: (trankvile daŭrigas) Jes, kara Anjo, kaj nun venas Esperanto! Esperanto, kun sia mirinda simpleco, kun sia facileco, kun sia logiko kaj beleco... Kaj ĝi ebligas, ke ni ĉiuj komprenu unu la alian! Ke ĉiu homo komprenu unu la alian. Ke *ni* komprenu unu la alian! (li kaptas ŝian manon.)

ŜI: (eltiras sian manon) Sed sinjoro, tamen...

LI: (pli laŭte) Jes, ĝi ebligas tion ne nur al la riĉuloj, al la feliĉuloj, sed ankaŭ al la homoj malriĉaj, malfeliĉaj, suferantaj. Solvo, savo, kompreno kaj amo! Ĉu vi komprenas, Anjo? Amo!!!

ŜI: Kaj ĉu sukcesas tio?

LI: Sukcesas!? Tre sukcesas! Ĉu vi povas trasenti, kion signifas, se ie malproksime, eble en alia mondparto estas homo, kies lingvon ni ne scias kaj trans multmiloj da mejloj ni tamen komprenas unu la alian. Ni sentas, ke niaj manoj tuŝas unu la alian (li kaptas ŝian manon, ŝi tiras ĝin, li ne delasas), ke la sango bolas en niaj vejnoj! Ni sentas la premon de mano, ni sentas la korpon de la alia kaj ke ni estas same homoj el karno kaj sango kiel la aliaj. Kun komunaj sopiroj kaj esperoj, kun komunaj ĝojoj kaj suferoj... vivi, vivi, ami kaj ami!

ŜI: (tute ruĝa, volas stariĝi) Sed mi petas, lasu min jam...

LI: (retenas ŝin) Ne... ne... ne... ne ekzistas io pli majesta ol tio! La granda, tutan mondon savanta sento de l' kompreno! Elektraj salutoj, kvazaŭ senfadenaj telegramoj, kiuj anoncas: Jes, mi amas vin, jes, mi komprenas vin. Malproksimaj animoj

flugas renkonte unu al alia. La entuziasmo pelas ilin! Nekonita ĝojo ekbrulas en ili! La animoj ekflamas! La sango ekbolas kaj la spiro ardas! Ĉiam pli proksimen! Brilega suno sur la horizonto: suno de l' kompreno! Fajro, giganta potenco, kiu fandas sentojn, volojn, korojn. Praenergio de l' mondo, mistero de l' vivo, sankta, sava, sorĉa praforto: la amo ... la amo...

ŜI: (kvazaŭ sufokite de la vortfluego, langvore) Ho lasu, lasu... mi ne povas...

LI: (kaptas ŝian manon alian, stariĝas kaj per forta ektiro starigas ankaŭ ŝin) Vi devas lasi, vi devas ekkompreni, ekkonscii, rekoni, trasenti! Perceptu do per ĉiuj fibroj de l' koro: homo ne povas repuŝi sian homfraton!!! Tiu ja ankaŭ estas homo, volas vivi kaj ami, havas rajton al kompreno, al amo, al feliĉo! Kaj li serĉas helpanton por la granda klopodo. Ho, forĝi la feliĉon kune, komune, kunfandiĝinte, nedisigeble! Ĉu vi ne sentas la ravon, ĉu vin ne tremigas plezuro? Jen, ekpulsas la sango, ekbrulas la okuloj, flugilojn donas la sopiro! *Oni ne estas plu sola!!!* Brusto atendas bruston, animo animon, koroj volas bati laŭ la sama ritmo! Kiu povas kontraŭstari? Kaj se lavas montojn inter ili antaŭjuĝo, timo, hontemo, envio, saĝo, ilin disjetas la sopiro, kiel mondoskuanta tertremego, ili devas kuniĝi. Sentu, sentu, sentu tion! Ĉu vi sentas? (Li firas ŝin al sia brusto; la knabino falas tien kvazaŭ senkonscie.) Ni ne vidas plu, ni ne aŭdas, niaj sentoj solviĝas en dolĉe feliĉa sveno. Dronas la mondo, restas nur du koroj, batantaj la eternan ritmon de l' sopiro. Kaj la senliman spacon, en kiu ni ŝvebas solaj per la flugiloj de l' amo. Plenigas nin sorĉa etera fluidaĵo, dolĉa, eterna aromo, kun milda lulo portanta, rava substanco ... kiso, kiso, kiso! (li kisas longe ŝin).

Paŭzeto

ŜI: (rekonsciiĝinte) Ho sankta Dio, kion vi faris, kion vi nun pensas pri mi ...

LI: (delasas ŝin, rigardas sian horloĝon, lace) La kvina kaj dudekdu. Pasis la kvin minutoj. (Al la knabino, kiu indigne rigardas lin, karesante ŝian vangon.) Kara, nun vi jam scias, kio estas Esperanto. (Al la publiko.) La kiso estas la internacia Esperanto de la amo. Esperanto estas la kiso de la internacia amo. Oni apenaŭ bezonas lerni, kaj tamen ĉiu komprenas ilin.

PAŬLO BALKÁNYI

Premiita dum la VIII. Internaciaj Floraj Ludoj en Girona.

# A N Ĉ A R'

## (ARBO DE VENENO)

A. PUŜKIN

En dezert' senigita de herb' kaj arbar',
Bruligita de suna radio,
Kvazaŭ ia minaca gardisto, Anĉar'
Sola staras en muta rabio.

Tiun arbon eknaskis dum tag' de koler'
La natur' por eterna malbeno
Kaj foliojn kaj eĉ la radikojn sub ter'
Ĝi trinkigis per morta veneno.

De sunvarmo fandiĝas venen' kaj la suk'
Nigre gutas tra ŝel' por danĝero,
Kaj formiĝas rezino, en form' de veruk',
Ĉiu guto sur trunk' dum vespero.

Kaj timante pereon de ĝia odor'
Ĝin kaj birdo kaj besto evitas.
Eĉ se vento trablovas, rapidas ĝi for,
Sed venene, mortige jam glitas.

Kaj se nubo migranta sur blua ĉiel'
Per pluveto kribrata ekbruas,
De Anĉaraj folioj, de branĉoj, de sel',
Kiel pluvo venena ĝi fluas...

Tamen homo al homo — la reĝo al sklav'
Alliveri ordonis rezinon,
Kaj foriris tuj sklavo sen pens' pri sinsav'
Por akiri rezinon kaj finon.

Li revenis sukcese dum dua maten',
Krom rezino eĉ branĉon altiris.
Pala frunt' lia ŝvitis pro morta venen'
Kaj perforte nur brust' lia spiris.

Jen li venis kaj falis silente sen fort'
De l' regnestro potenca ĉe seĝo,
Kaj la sklavon humilan ekfalĉis la mort'
Sub piedoj kruelaj de l' reĝo.

Sed la reĝ' senbedaŭra per tiu venen'
Eksaturis la pintojn de sagoj,
Kaj la morton dissendis streĉita tenden'
Al popoloj trans montoj kaj lagoj.

El la rusa: M. SOLOVJEV



OSKARO HULLGREN: BOATO SUR LA MARO

# BOATO SUR LA MARO

## (HOMA GROTESKO KAJ POLITIKA UTOPIO)

FRANK WOLLMANN

(Dua akto)

Mateno sur la maro. La ĉielo komencas disiĝi de la maro. Estas la dektria tago post katastrofo de la ŝipo, la sesa depost la tempo, kiam la miliardulo kaj aristokratino ricevis lastan manĝon de la agitisto.

En la boato ĝemante kaj revante konvulsias la junaj geedzoj. En la antaŭo de la boato staras la agitisto, en la malantaŭo sidas la Ĥino.

*

ARISTOKRATINO (ĝemas per malfortiĝinta voĉo, en febro): Mi soifas! Ĉio brulas kaj doloras en mi. Mia Dio, kial mi estas tiom malfeliĉa! Dio! Trinki! John! John! . . . (Post momento.) Li ne aŭdas. Ting-Tong, donu akvon! (La Ĥino ne moviĝas. Ŝajnas, kvazaŭ li profunde dormus kaj sonĝus pri malgranda kampeto en sia vasta patrujo, kiun li aĉetos, ŝparinte sufiĉan monon el salajro ricevata de blankuloj) Ho, ho (Ŝi ekploras, sen larmoj, konvulsie, ŝiaj ĝemoj estas kulpigo de la homa malforteco kaj de la homa egoismo antaŭ la vizaĝo de la naskiĝanta tago. Post tio la agitisto leviĝas, laboras ion sur la fundo de la boato, poste li venas kun kruĉo da akvo al la aristokratino, kiu rigardis liajn movojn kun duonturnita kapo.)

AGITISTO: Jen via akvo, *milady!*

ARISTOKRATINO (surprizita): Vi?! (Ŝi trinkas avide kaj redonas la kruĉon) Tiel afabla! Mi ne atendis! Efektive, vi ne estas tiom kruela!

AGITISTO (kompate): Mi tute ne estas kruela, *milady*.

ARISTOKRATINO: Kial do vi lasas min morti pro malsato?

AGITISTO: Por eble savi min, por ke mi povu savi vivon de milionoj. Kiam mi finfaros la taskon, mia vivo estos same malmultekosta, kiel la via.

ARISTOKRATINO: Kial vi ne pensas pli multe pri vi mem, kial vi pensas ĉiam pri milionoj da homoj? Ĉu via vivo ne havas individuan valoron? Ĉu vi havas edzinon, infanojn aŭ amatinon?

AGITISTO: Mi estas sola.

ARISTOKRATINO: Ĉu vi neniam amis?

AGITISTO: Neniam. Mi simple trompis min iam kaj mi estis trompita. Kaj baldaŭ mi malebriiĝis. Mi amas ekskluzive unu kaj solan: mian taskon.

ARISTOKRATINO: Kaj via tasko?

AGITISTO: Vi scias jam. Liberigi la teron, liberigi la vivon. Rigardu! (Montras okci-

denten.) Tiun blankan lunon tie! Ĝi estas via dolaro, rondiranta ĉirkaŭ la tero. Estingiĝinta fantomo de la estinto, malvarma kaj timiganta ne sole niajn noktojn, sed ankaŭ niajn tagojn. Estas necese mortpafi ĝin, ke ĝi falu en la sunon, en la vivon.

ARISTOKRATINO: Ni supozu, ke vi sukcesos fari tion pli bone ol en Ruslando; per kio vi anstataŭigos tiun vivan instigilon — mi ne scias pli bone esprimi min — kiu estas la mono?

AGITISTO: Per la klopodo pri grandeco en kreado, per la gloro: esti la plej senmanka homo, per la forto de la penso, per la beleco de l' virinoj kaj per libera rekompenco de iliaj pli altaj sentoj, per nova heroismo kaj nova delikateco. (Agitisto ekbrulas pro interna ekscitiĝo, kiu transiras eĉ al la aristokratino. La ĉielruĝo kovras la vangojn de la agitisto kaj ĉion ĉirkaŭ li. Aristokratino ensorbas lin per siaj grandaj nigreverdaj okuloj. La paleco de ŝiaj vangoj, la disigitaj blondaj haroj pligrandigas ŝian naturan belecon en la brilego de la matena maro. Ŝajnas, ke eĉ la agitisto vidas ŝian belecon.)

ARISTOKRATINO: Vi estas aŭ la plej granda egoisto, kiun mi iam vidis, aŭ (paŭzo) heroo mem.

AGITISTO: Eble ambaŭ samtempe.

ARISTOKRATINO (prenas lian manon per mano konvulsia — pro malsato kaj emocio — tuŝiĝas al li per tuta korpo, el la interno de ŝia tuta estaĵo flamas la vortoj: fluo de fajreroj el brulego morda kaj raba, subite eksplodinta): Estu mia! Mi amas vin. Mi ne scias, ĉu mi malsatas pli je vi aŭ je pano! Vi mia, la mia!

AGITISTO (faras rifuzan grimacon, montrante la dormantan miliardulon): Kaj mister Smith?

ARISTOKRATINO (emocie flustras): Ĉion mi diros al vi, ĉion! Mi devis edziniĝi — al li. Pri vi mi sonĝis de post la forflugemaj knabinjaroj. (Ŝi rigardas lin kun admiro.) Jes, tiel mi vidis vin: simpla kaj granda kaj forta. Alia homo! Nova homo! Vi ne venis. Mi ludis kun la viroj kiel kun pupoj. (Silentas.) Kaj fine venkita estis ankaŭ mi. La familio malriĉiĝis. Oni ja devis vivi — kaj tiu ĉi -havis monon. Multajn milionojn — mi eĉ ne scias kiom. Kaj mi havis amanton, ankaŭ li estis sen mono, perlabori li ne ellernis. Mi devis...

AGITISTO: Do vi vendis vin por ĉi tiu sakego da dolaroj. (Li montras kun malestimo malantaŭ sin kaj kaptite de subita penso li diras moke.) Kaj nun vi volas fari komercon ankaŭ kun mi, kompreneble, konvene al la cirkonstancoj, temas sole pri miaj modestaj nutraĵoj.

ARISTOKRATINO: Ne ofendu min, ne malpurigu tion, kio min subite sanktigis kaj purigis! Ne estas mia kulpo, ke tio okazas en tiu ĉi situacio, kiel ankaŭ ne estas la via. Ne lasu min morti sen via amo! (Montras al la dormanta miliardulo, en paroksismo.) Mortigu lin! Ho, kiel mi abomenas lin! Mortigu! Ni estos feliĉaj kune. En la valizo estas juveloj, kiuj valoras dek milionojn. Mi mem posedas dudek milionojn. Mortigu lin, *mi dear!* Venĝu min! Purigu min!

AGITISTO: Mi ne mortigas malfortiĝintan kontraŭulon. Cetere li estas kondamnita al morto. Lia korpo, malforta pro komforta vivmaniero, nekutimiĝinta al malsato kaj soifo, ne rezistos longe. Ankaŭ la via ne. Vi parolas en febro, kaj ludas komedion pro malsato.

ARISTOKRATINO: Do lasu min morti, mi volas nenion de vi, sole amu min kaj finamu, antaŭ ol mi mortos, por ke mi sciu, ke mi estis vivanta. Mi volas tion! Volas! Volas! (La lasta vorto ne estis sole vorto de virino aŭ de trodorlotita infano, kiu devas havi sian ludilon. Ekbrilas ŝia aristokrata, forta dentaro, regema gesto leviĝas al ĉielo. La vorto estis ankaŭ atavisma esprimo de la ĉiopova kasto, kiu favorplene malsupreniradis al la popolo, kaptite de afekcio en la maldensiĝinta sango kaj de subita deziro je sana, densa suko. Kaj la instinkto de la klaso vekiĝis ankaŭ en la agitisto. Jam ne estis tie viro kaj virino, sed posteulo de la subpremitaj kastoj kaj aristokratino.)

AGITISTO (malame): Baldaŭ ĉirkaŭprenos vin alia amanto kun malvarma premo. Suferu pro viaj antaŭuloj, kiel ni estis suferantaj! La nobelaro metis niajn junulinojn en la fundamentojn de siaj kasteloj, kie ili mortadis pro malsato kiel vi. Iu *Lichtenstein* ordonis batmortigi kampulon, ĉar li ne volis sendi al li en la kastelon sian junan edzinon. Unu el fratinoj de mia malproksima praavino dronigis sin, kiam la posedanto de Buchlov uzis „jus primae noctis“ — rajton de la unua nokto — kaj perforte prenis ŝin. „Jus primae noctis“ havas nun ordinare tiuj, kiuj vin aĉetas. Mi ne volas vin! Mi preferus publikulinojn. Ili ne mensogas. Ili vendas sian korpon por momento, por nokto kaj ili elektas por si. Vi ĉiuj vendas vin por la tuta vivo de mensogo kaj trompo. Sen elekto — al tiu, kiu donas pli. Vi vendas viajn animojn.

ARISTOKRATINO (kovras per manoj sian vizaĝon, veas pro percepto de malhonoro kiel vundita besto): Ho, ho, ho! (Falas en pezan senkonscion, kiu transformiĝas en febron, plena de sovaĝaj sonĝoj. Per la lasta ekkrio vekiĝas la miliardulo. La agitisto duonkuŝiĝas, duonsidiĝas sur la ŝipantaŭo. Li fermas okulojn kaj ŝajnigas dormon. La miliardulo streĉas siajn membrojn. Kaptite de malsatkonvulsio, li moviĝas kaj ekĝemas. Li rigardas al la valizo apud la

piedoj de la agitisto. Rampas al li por konvinkiĝi, ĉu li dormas, Liaj manoj rigidiĝas, kvazaŭ li volus kapti la agitiston. Li rigardas la aristokratinon malatente, Poste per silentaj paŝoj li iras al la Ĥino, kiun li vekas ektirinte lin je orelo. La Ĥino vekiĝas. La miliardulo flustras ion al li kaj metas fingron sur sian buŝon. Li montras kontraŭ la agitisto. Oni komprenas kelkajn vortojn, sed plie la gestojn).

MILIARDULO: Li dormas ... ĉe kolo ... mi helpos ... la manĝaĵon ni dividos ...

ĤINO: Mi ne povas... bonzo malpermesis... kulpo : ..

MILIARDULO (montras al la agitisto): Kanajlo ... ni mortos pro malsato ... Dio pardonos ...

ĤINO : Nia Dio ne pardonos ... revolver ...

MILIARDULO (boksas lin): Mizerulo! Malkuraĝulo! (La Ĥino subite rektiĝas. Ne la servisto rektiĝis, sed la raso, kiu ĉesis servi, li redonas la boksfrapon tiel, ke la miliardulo ekŝanceliĝas).

ĤINO : Nenia mastro! Blanka diablo. (Post tio la agitisto plene malfermas okulojn, ekridas mallonge).

AGITISTO: Ha, bonege, Ting-Tong! Eminente! Vi estas bravulo! Ha ha ha!

MILIARDULO (post paŭzo): Facile vi ridas, sinjoro Prehnal, kun plena stomako. Sed (turnas kapon al la aristokratino) vidu, jen mia kompatinda edzino. (Paŝas al ŝi.) Tiu infano jam preskaŭ mortas. Eĉ mortante ŝi estas bela. (Li tuŝas ŝian kapon kaj metas sur ĝin poŝtukon akvumitan en la maro.)

AGITISTO (ironie): Vi estas tre afabla, kara Smith, pardonu — sinjoro miliardulo, (ridas ironie) ke vi rememorigis min pri la matenmanĝo. (Li levas valizon sur benkon kaj elprenas la provizon.) Dum sunleviĝo oni bone matenmanĝas anglamaniere, ĉu vi ne pensas, miliardulo? Ĉe ni ordinare kafon, malriĉaj homoj sole terpomojn. Ĉu vi ne pensas, ke plaĉus al vi terpomoj, eĉ malvarmaj, miliardulo? Bone por la malriĉa Eŭropo, ke Ameriko donis al ĝi antaŭ jarcentoj tian utilan kreskaĵon. (Li malfermas skatolon de sardinoj. Se li intencis puni la miliardulon pro la lasta intrigo kontraŭ lia vivo, li sukcesis plene. La mizerulo rigardas kun larĝe malfermitaj okuloj la manĝon kaj sekvas ĉiun movon de la agitisto.)

AGITISTO: Jen sardinoj, jen fromaĝo, jen biskvitoj (trempante biskviton en la mara akvo). Da salo ni havas sufiĉe, da solvita, kompreneble. (La makzeloj de la miliardulo ektremas, salivo fluas el lia buŝo, la vizaĝo estas aliformita, stomaka spasmo malstreĉas lian staturon, tiel, ke li, kun la pendantaj manoj, similas malbonan simion.)

AGITISTO (rigardinte lin, rimarkas danĝeran esprimon, elpoŝigas brovningon kaj metas ĝin apud la manĝaĵo). Kaj jen la revolvero! Artiklo de la trusto A. W. O. (Li manĝas. Ankaŭ la Ĥino eltiras ian pladeton, prenas akvon el la maro, enmetas iometon da rizo el la saketo, kiun li alligis al si per ŝnuro ĉirkaŭ la kolo, metas la pladeton atenteme apud si kaj gardas ĝin kun pia intereso. La agitisto finmanĝis ĝuste unu sardinon kun biskvito kaj tranĉas la fromaĝon.) Kaj nun tranĉaĵeton da fromaĝo! Efektive Lukula regalo. Kion vi diras, miliardulo?

MILIARDULO: Ne turmentu min! Mi akceptas ĉion. Mi faros, kion vi volos. Rigardu! (Li prenas sian valizon kaj malfermas ĝin.) Jen gemoj kaj oro, kiuj valoras dek milionojn, valorpaperoj de rimarkinda sumo, ŝtataj liverkontraktoj. Ĉio estas via? Donu al mi manĝi! Mi petas vin. Vi ja estas ankaŭ homo!

AGITISTO: Vi kaj la viaj konas la homecon nur, kiam ĝi koncernas vian ventron. Manĝegu tiujn ŝtonojn kaj paperojn! Manĝegu ilin, ĝis trosateco, miliardulo! Estas en ili malsato de miloj kaj miloj da generacioj! Kaj la ŝtataj kontraktoj? Hodiaŭ jam estas malfrue. Ni estas pelataj ien al nordo. Savo estas tre dubebla. Kaj poste — mi ricevos ĉion, kiam vi mortaĉos pro malsato. Ĉar vi ne havos la forton, por senigi vin de tio kaj ĵeti tion en la maron. Havu forton morti, miliardulo, fabrikanto de mortigaj maŝinoj. Kaj ĉar la morto pro malsato estas terurega, saltu en la maron, aŭ lasu mortigi vin de Ting-Tong, kiel vi preparis tion al mi.

MILIARDULO: Mi ne volas morti! Oni povas ankoraŭ vivi! (En tin momento la aristokratino ekĝemas pli laŭte. Dum la tuta tempo ŝi ĝemis kaj diradis nekompreneblajn vortojn en febro. Miliardulo pro ŝia ekĝemo estis alkondukita al la lasta provo de savo. Li viŝas ŝian vizaĝon per proŝtuko, kiun li for prenis de ŝia kapo. Turnante sin al la agitisto.) Vidu, kiel belega ŝi estas. Ŝi havas longajn, orajn harojn, kiuj kovros tute la viron. Ŝiaj okuloj — fontoj en arbaro, ŝiaj dentoj havas nenian difekteton, ŝia brusto estas de senmakula blankeco kaj la rozkoloraj mamoj ŝajnas brili kiel du steloj. Ŝi estis virgulino, kiam ŝi kun mi edziniĝis. Kaj mian vivon kun ŝi ne povas pentri vortoj. Ŝi estas el antikva gento. Ŝia deveno estas garantiita de post la batalo apud Hastings. Mi pagis dek milionojn por ŝuldoj de ŝia patro, mi transigis al ŝi havaĵon en valoro de dudek milionoj. Ŝi do kostis tridek milionojn kaj tia prezo ne estis tro alta. Aŭdu, mister Prehnal, mi donos al vi miajn valizon kaj edzinon, se vi dividos kun mi la manĝaĵon.

AGITISTO: Besto! Fripona stomako! Ventraĉo!

MILIARDULO: Ne insultu! Pensu vin en mia situacio! Facile vi insultadas kun plena stomako! Kion vi farus en mia loko?

AGITISTO (Ĵetas al li la tranĉilon, kiun li uzis malfermante la sardinujon): Mi luktus, se mi amus tiun virinon, Kaj se mi estus venkita, mi metus ŝian buŝon sur mian vundon, por ke ŝi per mia sango vivu pli longe.

AGITISTO (ridas daŭre pli sarkasme): Do, agu laŭ mia recepto! Iru!

MILIARDULO: Tio estas terura, besta. Piko, vundo, sango! Naŭza!

AGITISTO (kolere): Mi konvinkos vin ke vi estas pli malbona ol naŭziga abomena besto. Aŭskultu, kiun ŝi vokas el la febro, amata edzo! (Dum momento: silento.)



FILIPO BECK: MORS IMPERATOR

Jen la minimumo, kion mi farus, mi tranĉus la vejnojn de miaj manoj, ke ŝi trinku el ili. Faru tiel! Vi ja amas ŝin?

MILIARDULO: Kompreneble! Certe!

AGITISTO (ridas): Kaj certe ankaŭ ŝi amas vin?

MILIARDULO: Sen ia dubo. Ŝi multe ŝuldas al mi.

ARISTOKRATINO (parolas nekompreneble. Poste iom pli klare): Oskaro... Oskaro...

AGITISTO: Ĉu vi aŭdis? Ŝi ne vokas *„my dear John“* sed „Oskaro“.

MILIARDULO: Kiu estas Oskaro?

AGITISTO (trankvile kaj diable): Ŝia lasta amanto antaŭ la edziĝo kun vi, superruzita

aĉetinto, trompita virbesto! Ŝi estis pli rapida ol vi. Antaŭ via vekiĝo, ŝi diris al mi ĉion. Ŝi volis, ke mi vin mortigu kaj ŝin finamu!

MILIARDULO: Neebla! Publikulino! Pruvojn, pruvojn! Mi tiom kredis al ŝi! Pruvojn!

AGITISTO: Prenu akvon kaj verŝu ĝin en ŝian buŝon.

MILIARDULO (faras tiel): Linjo, Linjo, rekonsciiĝu! Linjo . . . Trinku! (Ŝi trinkas.) Ankoraŭ! Trinku!

ARISTOKRATINO (konsciiĝas): Manĝi, manĝi! Mi mortas . . . Panon! Donu al mi panon!

MILIARDULO: Vi scias, ke mi ne havas . . . (Post momento) Diru, kiu estas Oskaro?

ARISTOKRATINO (sangvine): Kiom koncernas vin Oskaro? Malsaton mi havas, malsaton. Donu al mi manĝi! Manĝi!

MILIARDULO: Kiu estas Oskaro?

ARISTOKRATINO: Vi trompis min. Mortigu min! Kiom helpas al mi viaj milionoj, viaj juveloj, se vi ne havas por mi panon? Trompisto! (Ŝi skuegas lin en atako de konvulsio) Panon, maljuna malbelulo! Ho mia patro! Ho mia Oskaro! Liberigu min! Li promesis al mi reĝan lukson, kaj li ne havas panon.

MILIARDULO: Kiu estas Oskaro? Mi demandas lastfoje.

ARISTOKRATINO: Venĝo je vi, impotenta aĉetisto! Miliardulo sen pano! Oskaro — mia amato! Mi pagis liajn ŝuldojn per via mono, abomena naŭzulo!

MILIARDULO: Publikulino, mizerulino, trompantino! (Prenas la tranĉilon, kiun la agitisto ĵetis sur la benkon kaj puŝas ĝin en ŝian bruston).

ARISTOKRATINO: A, ho, ho! Adiaŭ . . . mia . . . amo unika (Turnas kapon kaj okulojn per la lastaj fortoj al la agitisto. Ŝiaj okuloj estas plenaj de delikateco kaj pardono. Ŝi mortas).

AGITISTO: Finite! Vi estas plene en mia potenco, homaĉetisto! Viaj antaŭuloj certe skalpadis Indianojn kaj pro oro mortigadis siajn fratojn kaj manĝis ilin. Jen! La sango! La homa laŭdire estas bonega. Vi tamen ne pensas, ke vi murdis ŝin pro ĵaluzo? Ne, vi sopiris ŝian sangon pro malsato! Malpligraviga cirkonstanco: vi aĉetis ŝin, ŝi estis la via! *Business is business.* Trinku do! Dum ĝi estas varma. El tia pokalo vi ankoraŭ ne trinkis, sanga Egilo el Bornholm! (Miliardulo faligis el la mano la tranĉilon, staras kiel ŝtono, kaj poste subite falas sur la bruston de la mortigito. Ĉu pro bedaŭro, aŭ la agitisto efektive diras veron?)

*

(Unuaj radioj de la leviĝanta suno ĵetas sin sur la orajn harojn de la virino, briligante ilin kvazaŭ per aŭreolo de martirino pro epoko kaj cirkonstancoj. La suno vidas finfaritan krimon de la viroj.)

KURTENO

El la ĉeĥa: STAN KAMARYT

## NOKTAJ STRATOJ

MARIE UNDER

I

Nun naĝas kvazaŭ fiŝo en kanaloj
Tra stratoj vent': per brankoj kapti penas
Ĝi lumserpentojn, kiujn el portaloj

Gaslum' disĵetas. Nokto venas,
Fulgiĝas jam la antaŭurbaj stratoj:
Pasanton ĝi avide ĉirkaŭprenas.

Aŭdiĝas de malsupre pugnobatoj,
Kriego raŭka kaj malbenovortoj.
Sufokas ilin domoj, barillatoj.

Oscedas kvazaŭ lag' senakva kortoj
En mezo de barilo kansimila . . .
Ĉielon tiris teren ies fortoj,

Distranĉas ĝin la duonluno brila.

II

De senfoliaj arboj teren are
Grandegaj ombroaraneoj falas.
Ĝemanta vento vagas nun senbare.

Mallumo vigle kontraŭ lum' batalas:
Vesperte ĝi la urbon dum vesperoj
Atakas kaj ĝin dense envualas.

Ne ŝvelas sur ĉielo fumoveloj,
Nur turomastoj en mallum' ne dronas.
Sur domoj estingiĝis blankaj kamentubkandeloj.

Lanternoj kvazaŭ ruĝlilioj ekburĝonas,
De la trunketoj altaj fluas hel'.
El turobrusto tus' horloĝa sonas.

Melankolie ploras la ĉiel',
Fenestroj, kvazaŭ freŝa vund' aspektas,
Disŝpruci lumosangon — jen ilia cel'.

Rigardoj gluaj nun sen hont' afektas.
La maskoj falis. Bruston pekan nun ekpremas
Sovaĝaj manoj. Paŝoj sin direktas

Al domoj, kie lukse jam festenas
Malvirto, riĉa je alloga tento.
Volupton nokto nigra nun dissemas,

Per muko flava teron ĝi surŝutas.
Tra nuboj lunon kupran rulis vento,
Kaj en mallumon kvazaŭ lakto gutas

La steloj blankaj nun de l' firmamento.

El la estona: HILDA DRESEN

# LA BUBO

FRANCISKO HERCZEG

Ia maltrankviliga, mistika silento surkuŝis la manĝoĉambron de la kastelo.

La dommastrino distrite prezentis la manĝaĵojn, sed ŝi mem lasis ilin netuŝitaj. La maljuna Boor kun ŝajnigita bonhumoro pikis sian forkon en la viandon, sed de tempo al tempo ŝtele li rigardadis al la murhorloĝo. Iu estis tre atendata ĉi tie.

Ankaŭ la gefianĉoj restis senvortaj. La bela, fiera Vilhelmino malbonhumore apogis sin al la apogilo de la kverkligna seĝo. Ĉirkaŭ ŝiaj lipoj montriĝis ia enua, preskaŭ maldolĉa streko, kiu ŝian fianĉon, baronon Wohlau, videble maltrankviligis. La barono jen faligis sian monoklon, jen tiradis sian ĝismentonan kolumon, ĉiam kun la sama afekta gesto.

Mirinda paro estis ĉi tiuj gefianĉoj. La viro seka, afekta, multon dibocinta, — kies ĉiuj movoj malkaŝas la laŭformalan kavaliron; la knabino Juno-talia, muskola, pompanta, kiel ekflorinta Marechal Niel-rozo.

Unu el la servistoj venis en la ĉambron... La tuta societo sentis, ke io okazis. Ĉiuj ili alrigardis la enpaŝanton, kiun la ĝenerala atento konfuzis.

— Ĉu alvenis? demandis sinjorino Boor, duonstariĝinte de la tablo.

— Pardonon, — nur la telerojn mi volis...

La maljuna Boor kun flamruĝa vizaĝo jetis sian tranĉilon, forkon sur la tablon.

— Sed, do la tuta domo freneziĝis? La bubo foriris kaj revenos denove, — jen la tuta afero. En mia infanaĝo ankaŭ mi vagadis sur la neĝaj montoj, kelkfoje dum semajnoj kaj eĉ la diablo ne prizorgis min...

Poste iom pli milde li aldonis: Kaj li ja ne tiel foriris, kvazaŭ li volus formigri en la vastan mondon. Li iris per veturilo kun veturigisto, li kunportis ankaŭ monon eĉ pafilon...

Pafilon! Ĝuste tio estis, kio tiel terure maltrankviligis la patrinon eĉ, ankaŭ iun alian.

— Je via sano la vespermanĝon! — murmuris la dommastro, kun granda bruo repuŝante sian seĝon.



GERGELY: REGALO

Ion alian li estus dirinta, nur tiu fremdlanda dando ne estus sidinta apud lia nevino.

La maljuna sinjoro prenis sian verdan ĉasĉapelon, poste eliris, li mem ne sciis kien.

Apud la staloj li renkontis la ekonomon, kies plendado eĉ pli kolerigis lin. Nome, ke tiu sangsoifa besto supre sur la neĝa monto jam denove mortigis idhavan bovinon!

Intertempe la gefianĉoj okupis lokon sur la vitroverando de la fumejo.

Vilhelmino sidis en balancoseĝo kaj senvorte rigardadis eksteren. En la malproksimo vidiĝis la Transilvaniaj montoj, kiuj per longe etenditaj, nigraj ondokonturoj limis la ebenon. Super la montoj en sangruĝa lumo brulis la ĉielo. Pure estis videblaj la kronpinto de la pinoj.

La barono, kvankam ne estis homkonanto, laŭ instinkto sentis, ke la apudsidanta bela knabino nun pensas pri li kaj, ke ŝia koro estas plena de maldolĉeco.

— Sed vere do kio okazas en ĉi tiu domo? li demandis fine per senpacienca voĉo.

— Viktoro ŝtelforiris kaj nun verŝajne turnas ian malsaĝaĵon en sia kapo, se ankoraŭ li ne faris ĝin, — diris Vilhelmino, ne pensante necesa eĉ movi sin.

— Tion mi scias, sed kial li foriris?

— Tial, ĉar vi estas ĉi tie...

La knabino subite returnis sin, ĉirkaŭ ŝiaj lipoj montriĝis malica rideto, poste ŝi klinis sin al la barono tiel proksimen, ke li povis senti la delikatan odoron de ŝiaj haroj. Eble ŝi volis ĝui la surprizon de sia fianĉo, ĉar ŝi diris: Viktoro estas enamiĝinta al mi!

— Al vi? Tiu infano! kriis la barono mirigite.

— Jes, tiu infano... Arde, preskaŭ sovaĝe li amas min... Delonge mi sciis, sed mi ne pensis serioze pri la afero. Malbone mi faris...

La barono levis la monoklon al sia okulo.

— Pardonon, — kiel mi komprenu tion, ke vi ne pensis serioze pri la afero?

Sur la lipoj de la bela knabino denove montriĝis la malica rideto.

— Mi estus devinta diri al lia patrino, ke ŝi malpermesu al la filo, ke li amu min, ŝi diris malvarme.

La barono ne sciis, ĉu la knabino mokas lin, aŭ ŝi parolas serioze.

— Mi rimarkis nur tion, ke la knabo obstine evitas min, diris li poste.

— Eble vi eĉ ne konjektas, ke en kia danĝero vi estis? diris la knabino, apatie rigardante al sia fianĉo.

— Mi? Ah! Pardonon...

Vilhelmino ŝultrotiris kaj ne parolis plu. Ankaŭ nun, kiel jam la tutan tagon, tiu mirinda, frumatura knabo estis en ŝiaj pensoj.

Jam en lia bubaĝo, kiam ili kune ludis, kuradis en la belega parko de la kastelo, kun ia kavalira revo li kondutis al la bela, pli maljuna kuzino.

— Se mi estos viro, mi igos vin mia edzino, diris li multfoje.

— Bubaĉo, mi ja povus esti via patrino!

— Kvin jaroj, tio ne estas diferenco... Atentu nur, vi estos la mia... Se iun alian vi amos, mi mortigos lin...

Kaj liaj belaj, nigraj okuloj tiam ekbrilis malhele.

La antaŭan vesperon li venis hejmen el la internulejo de Terezianum, por pasigi la libertempon. Kiam li ekvidis la baronon kaj aŭdis, ke ĉi tiu estas la fianĉo de Vilhelmino, li mortpaliĝis kaj ne manĝis plu.

Nokte li ekfrapetis la fenestron de la fianĉino. Kun pala, ekscitita vizaĝo li staris en la ĝardeno.

— Vilhelmino! Vi ne povas tion fari... Vi ja ne amas tiun fremdulon... Forpelu lin kaj atendu je mi...

— Viktoro, ĉu vi freneziĝis?

— Vilhelmino, mi ne povas vivi sen vi!

— Sed kion vi pensas? Infano! Iru por dormi, ĉar alie mi diros al via patrino...

La knabo per unu salto estis sur la randaĵo de la fenestro kaj kun muskolaj brakoj aŭdace li ĉirkaŭbrakis sian kuzinon.

— Mi ne estas infano kaj mi amas vin...

La fianĉino ege ektimiĝis. Ne, ĉi tiu ja ne estis infano. Nur nun ŝi rimarkis, ke ŝi estas en negliĝo. Ŝi elŝiris sin el la ĉirkaŭantaj brakoj kaj kriis por helpo..

— Vi konvinkiĝos, ke mi estas viro, — eĉ pli inda ol tiu alia! diris Viktoro, kaj malaperis en la ĝardeno.

De tiam meniu vidis lin en la domo. Kaj Vilhelmino, kiam ŝi restis sola kun sia fianĉo, sentis ian malagrablan surpeziĝantan malĝojon, pri kiu ŝi estis konvinkiĝinta, ke daŭros dum sia tuta vivo.

La barono ekparolis. Lia malagrabla voĉo vekis la knabinon el sia revado.

— Mi ne volas mallaŭdi ĉi tiun gastaman domon, sed mi trovas, ke en ĉi tiuj Boor-oj estas pli da temperamento, ol bongusto. Ili ĉiam ŝatis la kavalirajn pozojn, kaj neniu el ili volis ŝajni ordinara homo. Ankaŭ la maljunulo tial lamas, ĉar foje, pro ia rozkolora ĉifono, li saltis de la dua etaĝo...

Li eksilentis. Nun subite aŭdiĝis ekstere ekkrio, iu brufermis la pordon de la manĝoĉambro tiel, ke ĝia ŝlosilo falis teren. Inter la malhelaj arbetoj de la ĝardeno ekbrilis ruĝa torĉlumo...

— Nu kion mi diris? jen la juna „seladono" jam alvenis; mokadis la barono.

Antaŭ la kastelo ekhaltis veturilo, de kies alta sidloko desaltis junulo. Kun larĝaj ŝultroj, forta brusto, kun la bronzkolora, karakteriza profilo de la Boor-oj.

Lia patrino tuj ĉirkaŭbrakis lin.

— Viktoro! Nu fine vi alvenis... Kie vi estis? Sankta Dio, — kiel vi aspektas!

Lia vesto estis ŝirita kaj kotoplena, ankaŭ la ĉemizbutono mankis ĉe lia kolo.

La alta figuro de la maljuna Boor aperis el la direkto de la staloj.

— Oho, vi bubaĉo, kie vi vagadis?

La knabo duone humile, duone obstine staris antaŭ sia patro, kiel la dorlotita infano, kiu scias, ke oni ja ne punos lin serioze.

En ĉi tiu momento alvenis ankaŭ la gefianĉoj. Verŝajne nur tial, ke oni ne diru, ke ili ne partoprenas en la ĝojon de la tuta kastelo.

Viktoro, kvazaŭ li estus atendinta nur ĉi tion, vokis la maljunan veturigiston kun la torĉo, poste li paŝis al la veturilo, ian malbelan, vilan, grandan ajon li prenis sur sian ŝultron kaj ĵetis ĝin antaŭ la piedojn de Vilhelmino. Malpura, franĝa tapiŝo ĝi ŝajnis esti; nur kiam li disfaldis ĝin sur la sablo, oni povis vidi, ke ĝi estas grandega, ankoraŭ sanga ursofelo. La kranio, en kies malfermita buŝo blankis fingrolongaj dentoj, kune estis kun la felo.

La knabo terenĵetis sian ĉapon, poste li diris:

— Ian edziĝdonacon mi volis porti al mia kuzino, — sed, ĉar mi ne havis monon, mi iris al la neĝmontaro, kaj mi senhaŭtigis la posedinton de ĉi tiu... Ursofeloj nun estas laŭmodaj en la fumejoj...

La monoklo de la barono falis el lia okulo; sinjorino Boor mortpale apogis sin al la brako de sia edzo, dum la maljunulo, kiun en sia vivo neniam io surprizis, murmurante pikadis la ursofelon per sia bastono.

— Nu, jen kion mi ne nomas bagatelo, li diris. Do vi mortpafis tiun furiozan monstron?

Nun maljuna kamparano ŝovis sin antaŭen. Kun kantosimila akcentado kaj per troigaj esprimoj li rakontis la heroaĵon de la sinjoreto, kies vidatestanto li estis.

— ... hieraŭ okazis noktmeze... La sinjoreto diris: Juon, vi ricevos dek florenojn, se vi kondukos min al la urso... Nu, mi diris, ĉi tiun hommanĝanton nur eviti estas malfacile, trovi ĝin estas facile... Ni supreniris al la diabloĝardeno... via sinjora moŝto ja scias; la ĝardeno de la diablo estas super la pintaro, plena de strangaj ŝtonegoj, kiujn la diabloj disĵetis dum siaj grandamuzadoj... La monstro de tie kutimis ataki la paŝtejojn... La sinjoreto antaŭeniris kun pafilo subbrake, kaj mi malantaŭ li; mi jen preĝis, jen blekegis kiel devojiĝinta bovido... La urson oni ja ne povas trompi, ĝi elvenas el sia kavaĵo, ĉar ĝi pensas, ke oni volas ĝin moki... Subite koleran murmuradon ni aŭdas... Granda Dio! la terura besto staras antaŭ ni dudek paŝojn en la lunlumo... Granda kiel bubalo... Tiom mi ektimis, ke mia blekego fariĝis kokokriado... Sed la juna sinjoro malrapide genufleksis, al ŝultro levis sian pafilon kaj per unu pafo mortigis la urson.... La kuglo eniris ĝian okulon... ĝi eĉ ne moviĝis plu...

La maljunulo eksilentis kaj atendis sian trinkmonon, Vilhelmino tie staris, apogante sin al la kolono de la vestiblo kaj per briletantaj okuloj rigardadis la knabon ebrian de triumfo.

Neniam ŝi vidis lin tiel reĝsimile bela, kiel nun, kiam lia gracia figuro banis sin en la ruĝa torĉlumo. Ŝi vidis lin bela kaj tiel fremda.

La fiera knabino humiligite sentis, ke inter ili la knabo estas pli forta kaj ŝi konjektis, ke li, kiu hieraŭ almozpetis ankoraŭ sub ŝia fenestro, morgaŭ, kun ĉi tiu triumfa rideto, jam kiel diktatoro regos super la koroj.

Kaj li forgesos la hieraŭon kaj la virinon, kiu en iu fremdlanda urbeto vivos sian monotonan vivon.

El la hungara:
A. BAYER



DALL' OCA BIANCA ANGELO: KVADRILO

# HIME MACU

JAPANA POPOLKANTO




# BIZ AL SOLIT GÜLÜDIT

TURKA POPOLKANTO



## NIAJ VERKISTOJ



JULIO BAGHY
Aŭtoro de „Preter la Vivo"

# MONDLITERATURA OBSERVO

ERNESTO RENAN. — La franca kulturmondo festos je la 27-a de februaro la centjaran datrevenon de la naskiĝo de Renan. Ĉi tiu festo estos ne nur la festo de l' scienco, sed ankaŭ tiu de la arto. Apud la memorparolado, kiun Sir James Frazer, la verkinto de la potencaj volumoj de l'„Golden Bough" faros en la nomo de la „scienco de la tuta mondo", famaj artistoj de Parizo prezentos partojn el la verkoj de Renan. Ja Renan faris provojn ankaŭ en la filozofia dramo kaj en la „Vivo de Jesuo" kaj aliaj sciencaj verkoj de Renan estas multaj paĝoj kiuj estas tre taŭgaj por la artista interpreto. Renan estas unu el la grandaj majstroj de la franca lingvo, per sia plumo li sciis desegni kaj vidigi perfekte pejzaĝojn, revivigi aeron de malnovaj epokoj, pentri delikatajn portretojn kaj li restis artisto ankaŭ en la priskribo de siaj sciencaj rezultatoj.

Kiel ajn oni pensas pri la rezultatoj de Renan, rigardante ilin el la vidpunkto de la teza religio, oni devas rekoni la allogan artecon, la revivigan forton en lia verkaro kaj tiun profundan konvinkiĝon, kies forto kuntrenas la scienculon kaj kvazaŭ devigas lin spiti kun mizero, kun malestimo de l' samtempuloj, ĉar por li la rekonita vero estas pli kara ol la vivo. Kaj oni devas rekoni en liaj verkoj la bonan homon, ĉi tiu boneco faris lin kapabla pentri tiel admirindan bildon pri la plejsupro de l' tuta tera bono, pri Kristo la homo. *(—las.)*

FRANK WOLLMANN: B o a t o  s u r  l a  m a r o. Dramo en tri aktoj (Ĉehe). — La plej efika novaĵo de la ĉi jara teatra sezono en Ĉeĥoslovakio estis la „homa grotesko kaj politika utopio" de juna aŭtoro Frank Wollmann, titolita „Boato sur la maro". La aprobo de la literatura kritiko estis preskaŭ unuanima, afero ĉiuokaze malofta. La dramo okazas sur boato, portanta kvar „tiel nomitajn homojn", kiuj savis sin el frakasiĝinta ŝipego „ne longe antaŭ eksplodo de la nova mondmilito". En la boato estas: aristokratino, dudekjara belulino, edzino de Mr Smith, anglino; Mr Smith, ŝia edzo depost 14 tagoj, ido de la plutokratio, reprezentanta sole monon kaj materion sen etikaj kvalitoj, amerikano; agitisto 33 jara, filo de juda Wiena riĉulo kaj slovaka servistino, propagandas komunismon en teorio kaj praktiko; Ĥino, ordinara mongolo, posedanta rizon en sia kimono, servisto de Mr Smith. La Agitisto savis kun si sian valizon kun valorpaperoj kaj gemoj, la Ĥino saketon da rizo. Dum la unuaj 7 tagoj la agitisto donadis la bezonatan manĝaĵon al la Miliardulo kaj al lia edzino, sed la sepan tagon proponis al li dividi la nutraĵojn kun la kondiĉo, ke la Miliardulo disponigos al li siajn posedaĵon kaj influon por realigi liajn komunismajn idealojn. Sed kiam la Miliardulo pretekstante akcepti la kontrakton atencas kontraŭ lia vivo, la Agitisto rifuzas doni al li kaj al la Aristokratino ian ajn kvanton da manĝaĵo por povi konservi sin al sia estonta tasko. Sed kiam je la 17. tago post la frakasiĝo ankaŭ la lasta espero pri savo montriĝas vana, li komprenas la vantecon de sia klopodado, rigardata el vidpunkto de l' Eterno kaj saltas en la maron. Sola la Ĥino restas, kiu prenas la direktilon de la boato dum la dramo finiĝas. La dua akto reproduktita en tiu ĉi kajero donas taŭgan imagon pri la tuta dramo. S. K.

NIKOLAJ RAJNOV. — Unu el tiuj nuntempaj bulgaraj verkistoj, kiuj ĝuas grandan popularecon kaj ŝaton, estas sendube Nikolaj Rajnov. Samtempe li estas bona kaj konata pentroartisto.

Rajnov estas naskita la 1-an de januaro, 1888, en vilaĝo Kesarevo, ap. Tirnovo; sian infanecon kaj junecon tamen li vivis en Sofio. Li finis la Eklezian Seminarion de Sofio kaj poste — la Ŝtatan Pentrartan Lernejon (nun Ŝtata Akademio de Artoj).

Li faris grandan impreson en 1912 per siaj „Bogomilaj legendoj", eldonitaj sub pseŭdonimo „Anonim". Baldaŭ la publiko malkovris la talentan verkiston, kiu kaŝis sin sub tiu pseŭdonimo.

Post la fino de la granda milito aperis rapide alternante liaj verkoj: „Vizioj el antikva Bulgario", „Libro pri la reĝoj", „La urbo", „La okuloj de Arabio", „Sunfabeloj", „Libro de l' enigmoj", „Inter la dezerto kaj la vivo" k. c. Ŝatanta la mistikecon de la antikvaj skriboj, studinta profunde la antikvajn kaj modernajn librojn de l' saĝeco, vojaĝinta mem dum 1910 tra Arabio kaj Egipto, por spiri tie la aeron, en kiu floris la antikva arto kaj penso, li metis en ĉiun sian verkon la enigman, mistikan spiriton de l' oriento. Lia stilo estas figura, kun la metaforeco kaj sonoro de la antikvaj skriboj.

Dum novembro, j. p., en Plovdiv, kie li nun loĝas, estis inaŭgurita ekspozicio de liaj dekoratiaj pentraĵoj. ADA.

MARK TWAIN: LA MISTERA FREMDULO. — Estas multe dirite, ke grandaj komikistoj, famaj arlekenoj flegas en si sekretan sopiron je tragikaj roloj. Jen, kio venas en la kapon, kiam oni tenas en la mano la postmorte trovitan verkon de Mark Twain. Li, kies nomo memorigas nin pri tiom da gajaj horoj, tipa reprezentanto de la ŝaŭmanta bonhumoro, aŭtoro de ridantaj pensoj, en ĉi tiu verko parolas kiel malhela filozofo. Sed post la lego de la verko oni devas rekoni, ke ĝi ne estas fuŝado de verkisto en fremda al li teritorio. La plej nigraj pensoj, la plej amara dubo kaj malŝato pri la tuta homaro, civilizo kaj moralo parolas en ĝi kun tremiga forto, konsterna decideco, sveniga profundeco. Ĉi tiu verko estas la ĉefverko de Mark Twain, la plej grandioza el ĉiuj liaj verkoj.

„La homo estas nur penso, malklara penso, senutila penso, senhejma penso, kiu forlasite vagas tra la malplena Eterno" — jen la resumo de la verko. Satano, la ĉefpersono de la verko, la „mistera fremdulo", aperas en aŭstra vilaĝeto kaj elektas tri junulojn por instrui ilin pri la misteroj de la vivo. Rigardante tra ĉiuj epokoj, li vidas ĉiujn malperfektaĵojn de la homoj, li vidas la senvalorecon de ĉiu homa individuo, de ĉiu homa komunumo. „La homo — li diras — estas muzeo de malsanoj, domo de malpuraĵoj, kiel polvo li komencas, kiel polvo li finas." Sed plej naŭze estas ĉe la homoj, ke ili havas moralon, ĉi tiun bastardon „kies tasko estas elekti inter bono kaj malbono, kiu lasas libere elekti la homon, dum li en naŭ okazoj el dek elektas nepre la malbonon. La malbonon, kiu sen moralo tute ne ekzistus." En la nomo de la moralo malbontraktas kaj perfortas la potenculoj la malfortulojn, en ĝia nomo oni faras la militojn — „jen por neniigi malfortan nacion, jen en la intereso de kelkaj familioj, sed neniam kun puraj kaj justaj intencoj". La progreso de la homaro estas progreso de militado, ĝis fine sukcesis trovi la plej perfektan rimedon por mortigi. Mortigo! jen la plej granda fiero de la homo, mortbato estas la unua notita okazaĵo en lia historio. Kaj ĉio ĉi estas vere homa, oni ne nomu ilin bestaj agoj: sovaĝbestoj ne donus sin por tiaj teruraĵoj. Ili ne infektiĝis per la malsano, nomita: moralo, ili ne konas, ili ne faras maljustaĵojn.

Satano volas helpi al la homoj por liberigi ilin el ĉi tiu mizera stato. Unu vojo por tio estas la mallongigo de ilia vivo, kiel eble plej frua savo de la ŝarĝoj de l' ekzisto. Alia vojo estas la nebuligo de la homa menso. Ĉar nur la frenezuloj povas esti feliĉaj. Por ili Satano kreas fantaziojn: erarbildojn. Sed ili trompas ankaŭ sin mem kaj prenas ĉi tiujn fatamorganojn realo.

La homoj estas sklavoj de la malplimultoj, kiuj fruktuzas ilian malicon, memamon, senkonfidon, malsaĝon. Kaj por kio ja la tuta vivlukto? „La vivo estas nur vizio, estas nur sonĝo". Kaj Satano, instruinte pri estinteco, estanteco kaj estonteco, forlasas la teron. „Nenio ekzistas, ĉio estas nur sonĝo. Nenio ekzistas, nur la malplena spaco kaj vi."

Stranga, surpriza libro, verkita vere de nekonita' „Mistera fremdulo." Li ne eldonis la verkon dumvive, postlasis kvazaŭ sian testamenton. Kiu vizaĝo estis do lia vera vizaĝo? Certe ambaŭ. Li havis en si du homojn kaj eble la vortojn de la „mistera fremdulo" li volis superkrii per sia diboĉa gajeco. Kaj kiam, post veno de l' maljunaĝo, elĉerpiĝis la bonhumoro, ekmontris la kaŝita „mistera fremdulo" sian teruran vizaĝon.

Kaj la verko, kiel ofte la verkoj de geniuloj, estas mirinda profetaĵo. Ĉu li konkludis el la estinteco, aŭ vatese, instinkte li divenis la alvenintan militon? Se ni pensas pri tiu ĉi milito, en kiu mankis la „puraj kaj justaj intencoj", pri la teruraĵoj dum ĝi, pri la nuna barakto de l' mondo, kiu, en abismo kaj antaŭ pereo ne povas kaj ne volas trovi la elkondukan vojon, ĉu ne estas bone rifuĝi al la diro de Satano: „ĉio estas nur fantazio, vizio, erarbildo" kaj deziri dolore al la homaro: „Sonĝu kaj havu aliajn pli bonajn sonĝojn". —*r*.

VL. HODASEVIĈ: PEZA LIRO. — Kvazaŭ la aromo de verdiĝantaj kampoj leviĝas antaŭ vi, kiam vi malfermas la ĉilitan libron. Vere ĝi estas aromo alportita de vento el kampoj abunde saturitaj per sango de nova Rusujo.

En la eldono de rusa eldonejo Grjebin en Berlino sub la titolo „Peza liro" aperas jam la tria libro el verkoj de Ĥodaseviĉ.

Mi permesas al mi mencii la libron pro tio, ke, krom ĝia interna bela enhavo, estas novaj simptomoj, kiujn ĝi al ni montras. La unua periodo de la Sovjeta reĝimo estis la plej ĥaosa por la rusa literaturo. Neniu verkisto skribis ion en tiu tempo, escepte de la agitistoj kaj verkantoj de dekretoj. Presejoj estis haltigitaj, papero rekvizita, privataj eldonejoj monopoligitaj de la reganta partio. Pura arto neniun tiam interesis, ĝin oni nomis „burĝa ludilo" kaj la malnovaj famaj verkistoj, por gajni panon, servis kiel skribistoj en la komisariejoj, aŭ eĉ simple fariĝis metiistoj. Iom post iom tamen la bezono de beletristika literaturo igis la organojn de la nova registaro komenci agadon por la restarigo de la nomita literaturo. Sed la alvoko al verkistoj preskaŭ ne trovis respondon kaj tre malmultaj „nomadoj" komencis verki laŭ ordonita tasko. Tamen plej volonte venis al la alvoko de la regantoj ĉiuspecaj futuristoj kaj super-modernistoj, favorataj de la registaro por komenci epokon de tia ĥaoso, kiu pli ol io ajn alia tiama sovjeta entrepreno ilustras la koncernan tempoperiodon. Ili ludis ĉefe la rolon de detruantoj. Ili atakis ĉion, kio estis ligita kun la malnova Rusujo, ili kraĉis sur la verkojn de klasikuloj, ili stariĝis kontraŭ religio, kontraŭ rusa bizantismo, kontraŭ moroj, kontraŭ la persono de Kristo, fine kontraŭ Dio. Ilia lingvo transformiĝis ĝis la simpla kolektaĵo de sonoj. Bedaŭrinde estas, ke tiu detrua torento portis sur siaj malklaraj ondoj kelkajn verkistojn, kiuj poste montris sin indaj je pli glora destino. Tiuj homoj estis aŭ novaj aŭ junaj ankoraŭ verkistoj, sekve tiuj, kiuj pli facile ŝanceliĝas kaj ŝanĝas la vojdirektojn. Inter ili ni povis vidi siatempe ankaŭ V. Ĥodaseviĉ. Li multe eksperimentis en modernismo, futurismo, sed tamen fine venis al la klasika lingvo de siaj malnovaj antaŭuloj kaj nur en tiu lingvo trovis por si indan instrumenton lia multfaceta animo. Tio okazis malgraŭ la titana influo de la revolucioj, malgraŭ la „malnovmodeco" de la metodoj kaj lingvo, kiujn li elektis por sia lasta poezio. La artisto venkis en li la detrueman esploriston. Sed lia klasika lingvo kaj manieroj komencis servi por nova vivo, por novaj celoj. Li mem diras, ke

Aplombas ofte mi, kuraĝa,
Eĉ tion planti en verskamp',
Sur kio de nuntemp' domaĝa
Vidiĝas postturmenta stamp'.

Kaj la fantomoj-antaŭuloj
Kun altlevitaj ŝultroj-jen
Aŭskultas mire tra nebuloj
Parolojn vantajn sen kompren'.

Malgraŭ sia emo al malnovaj klasikaj formoj li tamen entute inspiriĝas nur per tio, kio plej klare karakterizas nian periodon, por li estas ridindaj la malnoviĝintaj prikantoj de

malriĉaj emocioj de amo simpla kaj virgec',

kaj li ne trovas grandan feliĉon en la prikanto de idiliaj pejzaĝoj, nek li volas verki pri „la malnovaj, sentimentalaj afektulinoj, legantinoj de Richardson". Lia rigardo etendas sin al estonteco, kiu kronos la detruaĵojn de la vidita, atestita tempesto.

Benita, kiu apud urno,
Sur bedo virga, en asert',
Prikantos flugon de Saturno
Tra la multstela spac'-dezert'.

En liaj verkoj la personeco de liaj herooj estas ĉiam duobla. Li profunde sentas kaj perceptas tiun batalon de bono kaj malbono en niaj animoj kaj tiu trajto faras lin verkisto de specifika rusa skolo.

Lia romantikismo kaj liriko plej profunde tuŝas nin en lia poemo „Al Psiĥeo" el kiu ni citu kelkajn liniojn:

Animo mia-mia amo!
Ci spiras en plej alta pur',
Ci flugas en la suna flamo,
Ci naĝas en ĉiellazur'.

Kaj ofte mi, pasidolora
La proprajn manojn kun la trem'
Subite kisas pro am' kora
Pro sent' profunda al mi mem.

Min mem eterpasie ravas
La propra korpo en ekstaz',
Ĉar cin, amaton, ĝi enhavas,
Animo mia, kiel vaz'.

Malgraŭ la tre neperfekta traduko tiu ĉi peceto de la poemo malkovras por ni la delikatecon de sentoj de la poeto, kiu kolorigas la versojn per fajreroj de unuaranga beleco. Vere novaj spiroj leviĝas super la renaskiĝanta Rusujo. Jam flugas de tie hirundoj de printempo, kaj unu el la multaj unuaj venas la libro de Ĥodaseviĉ — vera simptomo de vivkapablo de novaj rusaj verkantaj fortoj. N. H-V.

## BIBLIOGRAFIO

KRUCMO, de Aleksandro Drozdov. — El la rusa: N. Hohlov. Eldona de Sudlava Esperanto-Servo, Zagreb. I sv. fr. 56 pĝ.

Malofte aperas verko tiel impresa, tiel interesa en nia literaturo kiel jena libreto, al kiu donas, krom ĝia interna valoro, specialan intereson ĝia freŝa aktualeco. La vizaĝon de la sange baraktanta nuntempa Rusujo desegnas antaŭ ni la aŭtoro per akraj linioj, en la tragedio de rusa familio. Tri generacioj, frapitaj de la granda ventego, ĉiuj alimaniere reagantaj, ĉiuj pereantaj. Teruraj scenoj, kies efekton eĉ plifortigas la ŝajne malvarma, objektiva tono, en kiu ili estas pentritaj. Plurfoje dum la lego oni kvazaŭ vidas la frapantan pugnon de la Fato kaj sub ĝi la mizerajn penantojn de l' vivo, kiuj opinias, ke ili marŝas sur propraj piedoj, kvankam ilin pelas la senkompata uragano de la Tempo.

La aŭtoro havas la magian povon prezenti al ni ne nur homojn, sed tutajn homajn kategoriojn per kelkaj trajtoj. Brila ekzemplo estas por ĉi tio la edziĝfesta sceno de la ebria komisaro. Kaj inter la sango kaj teruro kaj abomeno kia subita sunbrilo trafas nin, kiam Nanjo trovas sian edzon, kiun li jam opiniis mortigita. La stranga gajeco, infana ludemo de la junaj geedzoj ravas per ia aparta ĉarmo, kiun mi sentas speciale rusa. Maljuna profesoro Golubov, tiel klarvida kaj mortanta pro klarvido, miĉmano Golubov energia kaj honesta revoluciulo kaj Kondrato Golubov, kiun la malespero puŝas al patro-mortigo, mi amas vin ĉiujn, en vi estas dispecigita la giganta kaj mistera Rusujo, en vi ĝi baraktas, en vi ĝi mortas. Kaj en vi ĝi reviviĝos, se la prapatrino Historio faros unu paŝon antaŭen.

La traduko apartenas al la bonaj. Plej ofte ĝi fluas glate, estas plastika en la pripentraj partoj, vigla en la dialogoj, klara en la filozofiemaj partoj. Nia ŝatata Hohlov faris meritan kaj zorgan laboron.

Tamen mi sentus min kulpa al li, se mi silentus pri du aferoj, kiuj al mi ne ŝajnas korektaj. Unu estas la apartigo de la substantivo kaj adjektivo per longaj intermetitaj vortkompleksoj. La alia la uzo de la artikolo. Pri ĉi tiuj du demandoj ni havos ankoraŭ okazon detale paroli en iu sekvonta numero.

Kelkaj neortodoksaj vortoj ŝajnas necesaj aŭ estas sufiĉe internaciaj. Nur la vorton „ĥameco" mi ne komprenas. „Oza" (dufoje uzita) ne ŝajnas nepre necesa.

Anstataŭ sufokiĝe kaj ĝeniĝe sufiĉus sufoke kaj ĝene. Anstataŭ murderi: murdi, ĉakalo estas verŝajne preseraro, en sinsubmetiĝo la sin ŝajnas superflua. Iom stranga estas la uzo de la vorto edifi.

Sed ĉi tiujn etajn polvetojn forblovas el la okulo la potenca ventfrapo de la verko. *(—las.)*

AMO PER PROVERBOJ. — Unuakta komedio de Arthur Azevedo, el la portugala originalo tradukis, A. Couto Fernandes. Kajero, 12×16 cm. formato, 16 paĝa, eldono de Oskar Ziegler Co., Marktredwitz (Bavarujo), prezo 3 respondkuponoj.

Arthur Azevedo la plej populara kaj multproduktinta brazila teatroverkisto, ankoraŭ en sia dekvina jaro verkis la supre cititan. interesan kaj spritan komedieton, kiu post ĝia unua prezentado tuj altiris la atenton de la publiko kaj jam havis multajn centoj da sukcesaj prezentadoj en Brazilio kaj Portugalujo. La traduko estas bona, kiun eĉ plibeligas kelkaj lerte uzitaj proverboj el la „Proverbaro Esperanta" de la Majstro. La lingvo, enhavo estas facila, amuza kaj ĉar la prezentado de la treatraĵeto bezonas nur tri personojn, ĝi estas bone uzebla kaj rekomendinda por festoj, amuzvesperoj. *(—lay).*

KANTANTA KAMPARO. — 101 tekstoj al hungaraj popolkantoj, tradukis: Kolomano de Kalocsay. Libreto, 12×16 cm. formato, 48 praĝa, prezo 80 korono Eldono de Petro Turzo, Szeged. (Hungario).

Fine aperis la jam delonge atendita libreto. Ĉarma, multkolora bukedo el sovaĝfloretoj, valora kolekto ne nur por hungaroj, kiuj konas la originalajn melodiojn, sed ankaŭ por alilanduloj, kiuj certe trovos artan ĝuon en la legado de la belegaj, perfektaj kaj tamen preskaŭ laŭvortaj tradukoj, el kiuj oni povas ekkoni la noble pensantan, jen gaje, jen „plorante" sin amuzantan, hungaran popolon, ĝian poezian senton, amon, ĝojon kaj doloron. Estas dezirinde, ke almenaŭ la plej belaj el ĉi tiuj kantoj aperu ankaŭ kun muziknotoj kaj tiam ili certe fariĝos vere internacia, ŝatata kanttrezoro de la Esperantistaro. *(Abo.)*

VIVO DE ZAMENHOF, de Edmond Privat. (Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig, Esperanta fako.)

Grandan servon faris la firmo por Esperantujo, kiam eldonis tiun ĉi majstran verkon, kies recenzon vi trovas en la unua numero de L. M. La eldono estas speciale por la mez- kaj malbonvalutuloj farita; ĝi ne estas mallongigita, sed havas laŭvorte la saman enhavon kiel la ilustrita eldono. La belaspekta libro, kun portreto de Zamenhof, estas mendebla por tre modera prezo ĉe la eldonejo.

## REDAKTA ANGULO

Pro bedaŭrinda erarkompreno la titolo de la novelo de Tuglas en nia antaŭa numero estis tiel aliformita, kio tute difektis ĝian ĝustan sencon. La originala titolo estis MIRAĜO, kiu, laŭ la Boirac-a vortaro, signifas: fatamorgano.

*

Samnumere en la poemo. „La tago de l' vivo", dua linio, antaŭ la vorto „ĉielo" la artikolo erare enŝoviĝis.

*

La redakcio respondas pri valoro kaj nivelo. Pri la verko mem respondas la aŭtoro.

*

La redakcio rezervas rajton de gramatikaj, en okazo de neceso eĉ de stilaj korektoj, se la sendinto antaŭe ne protestas, aŭ ne insistas pri certaj formoj.

*

Pri la konkurso de L. M. ni rimarkas, ke la rezultaton ni publikigos en nia kogresa numero.

La ilustraĵo de „Renkonto al la Luno" (en nia kvara numero) estas desegnaĵo de Jásik Álmos.

La kiŝajoj en la nuna numero estas reproduktitaj kun permeso de „Könyves Kálmán" kaj „Művészet".

*Centra Esperanto Librejo.* — La bilanco, perdakaj gajna konto estis aprobitaj kaj la dividendo fiksita je $5^1/_2$%. Kiel komisaro estis reelektita S-ro J. L. Bruyn en s'-Gravenhage.

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró.